VIa jaro. — No 76 | Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) | 20 Aprilo 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro : HECTOR HODLER*



## Dum la lasta duonmonato

**La 28an de aprilo Esperantio finos sian duan jaron de ekzistado. En multaj lokoj niaj Delegitoj kaj membroj intencas festi tiun memorindan datrevenon.**

**La vicprezidanto de U. E. A. jus revenis el Augsburg, kie regas plej esperiga agemeco por la preparado de nia Kongreso.**

**La programo de la laboroj kaj festoj de la unua Kongreso de U. E. A. estas fiksita. Oni legu pli sube la prezojn de la restado kaj de la ekskursoj.**

## La Tasko de la Esperantia Kongreso

Kelkajn monatojn antaŭ nia Kongreso, konvenas rememorigi, kia devas esti ĝia rolo, ĉu ĉar multaj Esperantianoj ĝin ne scias, ĉu ĉar kelkaj aljuĝus al ĝi taskojn, kiujn ĝi en la realeco ne povas havi. La rolo de la Kongreso de U. E. A. estas jam klare fiksata de la Statuto de nia Asocio, laŭ kiu : « La delegitoj kunvenas ĉiu jare en loko fiksita de la komitato almenaŭ 3 monatojn antaŭe : 1e por aŭdi pri la morala kaj financa stato de U. E. A. kaj ĝia agado dum la pasinta jaro ; 2e por ekzameni la proponojn prezentotajn de la membroj kaj elmeti deziresprimojn pri ili. Laŭ tiuj deziresprimoj la komitato prezentas proponojn al la koresponda kaj sekreta voĉdonado de ĉiuj delegitoj. »

Ŝajnas, ke en ĉi tiu difino de la rolo de niaj kunvenoj nenio devas esti ŝanĝata, krom tio ke ne nur la delegitoj kunvenas, sed ankaŭ la membroj. Efektive, la Kongreso celas antaŭ ĉio fiksi la grandajn liniojn de la agado de l'Asocio dum la venonta jaro ; ĝi montras la vojon sekvotan. Laŭ ĝiaj deziresprimoj, la komitato mem devas gvidi Esperantion kaj klopodi por ilia realigo dum la jaro venonta. Estas do necese, ke tiuj deziresprimoj estu alprenataj ne nur de la delegitoj, sed de ĉiuj membroj kongrese kunvenintaj, tiel ke ili reprezentu kiel eble plej ĝuste la mezajn opiniojn kaj dezirojn de la Esperantianaro. Tio ĉi cetere estas konforma al la liberalaj principoj laŭ kiuj estas organizita U. E. A.

Kiel sekvas el la difino de la Statuto, la kongreso de U. E. A. do neniel celas kaj povas diskuti regularojn, detale fiksi la organizon de servoj, pri kiu ĝi cetere ne estus kompetenta, nek alpreni decidojn. Difini la organizojn de novaj servoj povas nur la komitato, kun la helpo de la kompetentaj komisionoj kaj laŭ la montroj de la kongreso ; aliparte alpreni gravajn decidojn, de kiuj rezultus statutŝanĝoj, rajtas nur la Delegitoj per koresponda voĉdonado kaj ne la kongreso, al kiu ne ĉiuj povas veturi. La kongreso nur elmetas dezirojn, faciligas fruktodonan interŝanĝadon de ideoj inter Esperantianoj, naskigas proponojn kaj tiamaniere liveras al la komitato labori sur difinita vojo, ne laŭ sia propra bontrovo, sed konforme al la deziroj kaj bezonoj de la Esperantianaro, kiujn konstatigis la kongreso.

La rolo de la kongreso estos precize formulata per la baldaŭ aperonta kongresa regularo, sed ekzemplo tuj de nun ilustros la supran klarigon. Ni supozu, ke iu Esperantiano deziras proponi la kreon de nova servo. Li sendos antaŭ la difinita tempolimo sian proponon al la centra oficejo de U. E. A., kiu per la kompetenta komitatano komunikos ĝin al la ekzameno de la komisiono, kiun ĝi koncernas ; samtempe konciza analizo de ĝi aperos en « Esperanto » tiel ke niaj membroj povu ĝin pripensi antaŭ la kongreso. Kompreneble tia propono pri nova servo devas esti precize redaktita, kun necesaj praktikaj montroj kaj akompanata per klariga raporto. Ĉiu komitatano antaŭ la kongreso, laŭ la opinioj esprimitaj de la faka komisiono, verkos raporton, en kiu li ekzamenos la proponojn ricevitajn de li kaj pri ĉiu el ili prezentos al la kongreso, deziresprimon aŭ tagordon, jesan aŭ nean, kiun la kongresanaro akceptos, modifos aŭ malakceptos. En la okazo de akcepto, la komitato do havos la devon realigi la nomitan projekton dum la jaro kaj por tio alpreni la necesajn decidojn.

Tiel liberigita je senutilaj diskutoj pri detalajoj ne tuj solveblaj kaj havanta antaŭ ĉio la celon prepari la ĝeneralan agadon de la jaro, la kongreso povas havi kaj certe havos tre utilan rolon kaj feliĉan influon al la vivo de nia Asocio.

Kompreneble, ĉar okazos Esperantista kongreso en Washington la Esperantianoj de Ameriko kunvenos dum ĉi tiu kongreso kaj tiuj kunvenoj havos tute samajn celojn kaj rajtojn kiel la Eŭropa.

Ni aldonu, ke memkompreneble ne la tuta daŭro de la kongreso estos plenigata per laboraj kunvenoj. Sufiĉe da tempo estis ankaŭ rezervita por allogaj distrajoj kaj precipe komunaj ekskursoj, kiuj ne nur utilas por la mallacigo de la kongresanoj, sed ankaŭ por ilia reciproka konatiĝo kaj amikiĝo, por la pligrandigo de tiu spirito de samideaneco kaj ĉiunacia frateco, kiu estis la ĉarmo de la unuaj Esperantistaj kongresoj kaj devas esti la animo de niaj Esperantiaj kongresoj.

H. HODLER,
*Vicprezidanto de U. E. A.*

## SOCIA VIVO

### JURO

**Bosnio-Herzegovino, konstituciaj provincoj**

Longe kaj dezirege atendita konstitucio por Bos-Herz. venis. Antaŭ ĝia naskiĝo multon oni skribis kaj parolis ; partiaj kaj senpartiaj gazetoj kaj ĵurnaloj dediĉis al ĝi longajn artikolojn. La 17 de tiu ĉi monato la konstitucio estas aprobita de Lia Imperiestra Moŝto kaj al popolo proklamita. Jen mallonga eltiro el la konstitucia regularo : Estos 92 delegitoj, el ili 20 kiujn nomos la Imperiestro ; prezidanton kaj ambaŭ vicprezidantojn nomas ankaŭ la Imperiestro. La « parlamento » havos sian kunsidon ĉiujare kaj ĝia periodo daŭros 5 jarojn. Ĝia kompetenteco ampleksas la aferojn koncernantajn Bosnion-Herzegovinon. La popolo bosnia apartenanta al nacioj serba kaj kroata kaj al kultoj ortodoksa, katolika kaj islama balotos siajn delegitojn laŭ kultoj, ĉiu kulto aparte. Krom tio la kultoj estas dividitaj je tri kurioj. Ĉiu burĝo 24-jara havos la rajton baloti. La delegito povos esti ĉiu 30 jara homo escepte la oficistoj kaj la instruistoj. Do la popolo ricevis fundamenton sur kiu povas insiste kaj diligente labori, se ĝi deziras proksimiĝi al aliaj popoloj.

Fine ni devas diri ion pri la samaj provincoj. Ambaŭ estis iam sub Iliroj, Rumanoj Grekoj k. t. p. kaj foje estis memstaraj kun propraj reĝoj. En 1463, Bosnio kaj en 1482. Herzegovino estis de Turkoj okupitaj. En 1878, okupis aŭstria militistaro tiujn ĉi nature belajn provincojn. De tiam komencas paca vivado. La plej granda baro kiu malhelpas pli rapidan progresadon estas feŭda sistemo sub kies ŝarĝo ĝemas la sana, honesta kaj laborema bosnio vilaĝano. Ni esperas, ke la registaro penados forigi tian en Eŭropo malaperintan sistemon.

U. Avdalovic (Del. Zavala).

## GEOGRAFIO

**Okcidenten ! La enmigrado en Usono — Kiom venis da enmigrantoj — Kiuj ili estas.**

La movado de la Kaŭkaziaj rasoj ĉiam estis al la okcidento. Depost la praepokoj kiam komenciĝis la elirado de la sovaĝaj gentoj el la centro de Azio, kie, kredeble, komenciĝis la blankhaŭtuloj, homaj ondegoj dum la sennombraj centjaroj estas transrulintaj trans Eŭropon, ĉiam al la okcidento, ĉiam al la subiranta suno. Alveninte al la bordo de Atlantiko tiuj vastaj popolamasoj ne haltis, sed transpasis la maron kaj alvenis al la nova mondo, al la du Amerikoj. Kaj daŭras hodiaŭ tiu sama antaŭenrulado al la okcidento. Verŝajne la vigla krio de la blanka raso de la estanteco estas la sama kia estis la signovorto de la vagantaj gentoj de la estinteco — « Okcidenten ». Kiel tiam, tiel nune : ia spirito de maltrankvileco regas. La sama malkontenteco kiu hodiaŭ igas la junulon en Usono ke li marŝu de Nova Jorko al Kalifornio, instigas la junulojn en Rusujo, en Bohemujo, en Germanujo, ke ili ekvojaĝu al la nova mondo. Estas — « Ho, al la lando de la subiranta suno ! Antaŭen, kamaradoj, al la lando de la poto de oro ». Dum tiuj antaŭhistoriaj tempoj la invadantoj alvenis portante la fajron kaj la glavon, sed hodiaŭ la invado en la okcidentan mondon estas paca invado, kaj pri tiu ĉi paca invado, tiu ĉi ekokupado de Usono per eksterlanduloj mi mallonge priskribos.

Kompreneble la popolenmigrado en Nordan Amerikon komenciĝis kiam murveturis la unua ŝipo portanta koloniistojn al la nova mondo, sed kompare je la popolmovadoj de la nuntempo la nombro da enmigrantoj en tiuj fruaj tempoj, estis negrava. De post intertempo da cent sepdekkvin jaroj, de 1607 kiam fondiĝis Jamestown la unua angla kolonio en tiu parto de Norda Ameriko kiu hodiaŭ estas Usono, ĝis 1782 kiam finis la Revolucio, la logantoj de la dektri kolonioj estis nombre multe malpli ol 4.000.000. Ekster kontraŭdiro la pli granda parto de tiu nombro estis amerikannaskita. Komparu tiun nombron, la rezultato de 175 jaroj, kun la enmigradaj ciferoj por la kvar lastaj jaroj, nome, 1905, 1906, 1907, 1908, kiam alvenis en Usonon 4.195.453 enmigrantoj. Kvar jaroj anstataŭ cent sepdekkvin !

| | |
|---|---|
| 1905 | 1.026.499 |
| 1906 | 1.100.735 |
| 1907 | 1.285.349 |
| 1908 | 782.870 |

La nombrigado de usonaj enmigrantoj de la Departemento de Enmigrado de Usono kovras periodon da naŭdek jaroj, de 1820 ĝis la estanteco. Je dekjaroj la kolektitaj ciferoj estas jene :

| | |
|---|---|
| 1820 | 8.385 |
| 1830 | 23.322 |
| 1840 | 84.066 |
| 1850 | 369.980 |
| 1860 | 133.143 |
| 1870 | 387.203 |
| 1880 | 457.257 |
| 1890 | 455.572 |
| 1900 | 448.572 |
| 1909 | 751.786 |

Kvankam la enmigrada plimultiĝo estis daŭrema kaj konstanta oni notos per la suprecititaj ciferoj ke ĝi ŝanceliĝis, kaj ke iuj jaroj rilate al la antaŭaj, montras forfaladon. Notindaj speciale estas la jaroj 1860, 1877, 1897, kaj 1908 kiam la malantaŭenfalado estis granda. Sed oni povas klarigi la eksterordinarajn plimultiĝojn de aliaj jaroj. Fakte, profilkarto montranta jare la enmigradon en Usonon, klare priskribas la internan bon- aŭ malbonstaton de tiu lando, Sursekvante la konstante ŝanĝiĝantan linion kiu interligas la pasintajn naŭdek jarojn, oni povas legi tie la historion de militoj kaj de la minacoj de militoj ; oni povas ellerni kiam sin trovis malbonrikoltoj, kaj kiam la mankego regis ; oni povas legi pri panikoj kaj financaj tumultoj. Car kiam okazis la milito, kiam la rikoltoj mankis, kiam la lando suferis pro malbonfinancaj statoj, la estonta elmigranto prokrastis sian eliradon, preferante suferi la malbonaĵojn kiujn li havas hejme pli vole ol aliri al tiuj kiuj eble estus pli malbonaj. Kredeble se favoraj kondiĉoj en Usono invitas multe da enmigrantoj kaj malfavoraj kondiĉoj haltigas la eniradon, sekvas ke la kontraŭo devus okazi en la landoj de la elmigrantoj. Tio estas vera ; militoj, novaj subpremigaj militleĝoj, malprospereco, malbonrikoltoj, ĉiuj tiuj ĉi pligrandigas la elmigradon, sed dum la paco, la prospereco, malmanko, la estonta elmigranto restas hejme tre kontenta.

La jaro 1907 estis mirinda jaro por la enmigrado en Usonon. Tiun jaron envenis en la respublikon 1.285.349 enmigrantoj. Tia cifero signifas 3.500 enmigrantojn ĉiutage. Tiu jaro 1907 markis la supropinton de la prospereco kaj ĝenerala bonstato. Ĉie estis prospereco, ĉie laboremo, ĉie aŭdiĝis la alvoko por laboristoj, kaj tiam, subite, simile al fulmobato neatendita el la ĉielo falis la paniko, kaj grandega konfuzo anstataŭis. Rezultato, rilate al la enmigrado : Usono ricevis nur 782.870 enmigrantojn dum la sekvanta jaro 1908, kiu estis malgajno da duona miliono.

De kie venas tiuj ĉi popolamasoj ? De ĉie ; de Eŭropo, Azio, Afriko, de la insuloj de la suda maro, de la malvarmegaj landoj, de la nordo, de la malproksimaj sudaj landoj. Oni povus diri preskaŭ senerare ke ĉiu lando sub la suno partodonas al la vastega homondego. Kompreneble Eŭropo sendas la plej multe. El tiuj kiuj venis en 1907 la proporcia parto de la ĉefaj Eŭropaj landoj estis jene :

| | | |
|---|---|---|
| Jaro 1907 | Aŭstrio-Hungarujo. | 338.452 |
| — | Italujo | 285.731 |
| — | Rusujo | 259.943 |
| — | Granda Britujo | 113.567 |
| — | Skandinavio | 49.965 |
| — | Germanujo | 37.807 |

Oni notas ke suda Eŭropo partodonas la plej grandajn nombrojn da enmigrantoj, sed ne estis ĉiam tiel ; dudekkvin jarojn pasintajn la nordaj landoj de Eŭropo sendis la plej multe da enmigrantoj. Oni ekrigardu la jenan cifertabelon por havi ideon pri la granda ŝanĝo en la devenejoj de la usonaj enmigrantoj.

| | | |
|---|---|---|
| Jaro 1882 | Aŭstrio-Hungarujo. | 29.150 |
| — | Italujo | 32.160 |
| — | Rusujo | 31.590 |
| — | Granda Britujo | 179.419 |
| — | Skandinavio | 195.326 |
| — | Germanujo | 250.630 |

Dum la pasintaj naŭdek jaroj Germanujo sendis al Usono 5.320.312 enmigrantojn ; Granda Britujo 7.667.400. De 1853 ĝis 1883 Ĥinujo sendis al nia lando 298.398. Tiam ĉesis enmigrado de Ĥinujo pro tio ke la usona Kongreso elbaris tiun rason. Dum dekkvin jaroj Japanujo sendis 151.983 enmigrantojn sed nun la du landoj, Usono kaj Japanujo, havas interkonsenton per kiu la japanaj enmigrantoj elbariĝos. Oni atendos daŭradon de la elirado el la sudaj eŭropaj landoj. Pli feliĉaj kondiĉoj, pli granda prospereco kaj la rezultanta kontenteco restigos la neriĉulojn de nordaj landoj hejme. Sume la enmigrantoj en Usonon dum la pasintaj naŭdek jaroj nombriĝas 26.852.723. Kia armeo ! Kia popolamaso !

Kiaj popoloj estas tiuj ĉi enmigrantoj ? Ĉiaj specoj ; bonaj kaj malbonaj, riĉaj kaj malriĉaj, edukitaj kaj needukitaj, honestaj kaj malhonestaj, laboremaj kaj mallaboremaj ; ŝtelistoj, rabistoj, friponoj — pastroj, predikistoj, profesoroj ; leĝrompistoj, anarkiistoj, mortigistoj — leĝrespektantoj, pacamantoj, diotimantoj. Ili estas en la malliberejoj kaj pundomoj, ili estas en la kunvenejoj de la nacia kongreso ; ili sin trovas sur la seĝoj de la ŝtataj oficistaroj, ili sin trovas en la defluiloj kune kun la elpelitoj de l' homaro ; ili estas la fiereco de la nacio, ili estas la malnobligeco ; ili helpas kaj antaŭenigas la nacian progresadon, ili malhelpas kaj malantaŭenigas ĝin. Ĝi estas tipa mondamaso ; ĝi posedas ĉiun bonan kvaliton de l' homaro, ĉiun malbonan econ.

Rilate al la profesioj de la envenantoj la plej multe estas ordinaraj, nelertaj laboristoj. El la 751.000 envenantaj dum 1909, 221.000 estis senprofesiuloj. Tiuj ĉi elserĉas la fabrikejojn en la urbegoj kie ili laborgajnas proksimume kvar spesmilojn ĉiutage. Estas bedaŭrinde ke tiel multe de la enmigrantoj elektas la urbojn, ĉar la premataj kondiĉoj de la pli nebonaj partoj de la urboj jam faras gravegajn demandojn. Estas la volo de la registaro ke la enmigrantoj iru al la kulturteroj en la okcidento kaj la sudo, sed la vojaĝo tien estas longa kaj multekosta, kaj estas malfacile konvinki la novalveninton ke spesmilo en la estonteco estas preferinda al spesdeko en la estanteco. Tial ili restas en aŭ apud la urboj. La registaro mem proponos al la enmigranto nenion ajn escepte regnecon ; ĝi instruas lin nur nee, ne jese ; ĝi uzas neniun allogilon por venigi la enmigrantojn ĉar ĝi bone scias ke la tempo venos, kaj tio en la ne malproksima estonteco, kiam necese ĝi devos elbarigi ĉiujn enmigrantojn.

La enmigradaj oficiroj raportas ke la enmigrantoj de la jaro 1909 alportis 35.000.000 Sm., aŭ meze da 46 Sm. al ĉiu persono. Kompreneble oni povas kredi ke multe pli estis kaŝata. El ĉiuj, 191.000 povis nek legi nek skribi. 10.411 kiuj venis ne povis eniri la deziratan landon pro certaj leĝoj kiuj ne permesas la eniradon de idiotuloj, frenezuloj, malriĉeguloj kiuj eble iĝos kaj iliaj akiristoj, kontraktlaboristoj, k. t. p. Jaron post jaro la leĝoj pri la enirado de enmigrantoj iĝas pli kaj pli severaj kaj mallarĝaj.

Kia estos la estonta tipo de la amerikana raso ? Ĉu tiuj ĉi diversaj, malsamaj popoloj asimiliĝos ? Ĉu la italo, la ruso, la germano, la anglo, kaj la amerikano malaperos kaj post centjaroj da interedzeco kaj rafinado aperos nova popolo, nova raso, nova amerikano ? Kiu povas diri ? Vere la novelisto Israel Zangwill ne eraris kiam li nomis Usonon « La Fandujo ».

H. Hall (Cleveland).

**St. Peterburgo : Urbo de la Ia Ruslanda Kongreso Esperantista**

En la delto de la rivero « Neva », sur negranda insulo Petro I la Granda fondis fortikaĵeton, inter densegaj arbaroj kaj vastaj marĉoj, en la spaco ĵus deprenita de la svedoj per batalo en la jaro 1703. Tiu ĉi urbo fariĝinta la restadejo de imperiestro baldaŭ pligrandiĝis kaj nun staras jam inter la plej grandaj urboj de l' mondo. Larĝaj stratoj tiriĝas tra la urbo sur kiuj kuras elektraj tramvoj-vagonoj. Nun Peterburgo kuŝas en centro de 11 fervojaj linioj, kiuj kunligas ĝin kun eksterlando, kun sudo de Rusujo, kaj kun Siberio. Larĝaj pontoj kunligas la diversajn partojn de Peterburgo, dividitajn de la riveraj « manikoj », kiuj estas ĉiam okupataj de multaj ŝipoj, alvenantaj kaj forveturantaj. Alvenante al Peterburgo mare oni preterveturas la insulon « K'otlin » kiu estas lokita antaŭ la haveno, kaj kiu havas fortikaĵon « Kronŝtad », gardanta la eniron.

La ĉefa parto de Peterburgo kuŝas sur la maldekstra bordo de « Neva », kie troviĝas la imperiestra palaco, la regna « Duma » kaj aliaj gravaj konstruaĵoj ; tie ankaŭ kuŝas la ĉefstrato de Peterburgo la « Nevskij ». Sur la dekstra bordo troviĝas la « Vasiljevskj Ostrov » kie troviĝas la Akademio de l' sciencoj kaj la Borso, kiujn oni vidas sur la alia bildo knŭe kun la larĝa rivero « Neva ». Aliaj insuloj prezentas per si belajn parkojn. Tie ĉi ekzistas ankaŭ teatroj el kiuj precipan atenton meritas la imperiestraj.

La Esperanta afero tie ĉi lastatempe ankaŭ multe pligraviĝis. La nove fondita « Ruslanda Esperantista Ligo » unuigas jam multajn societojn de Rusujo kaj nun tiel fortiĝis, ke jam aranĝas la unuan en Rusujo kongreson de Esperantistoj, kiu okazos de la 3 ĝis 8 de majo. Al tiu ĉi kongreson estas ankaŭ invitataj eksterlandanoj, kiuj tie ĉi trovos esperantistan societon, kaj la anoj de U. E. A. delegiton.

La kosto de la vojaĝo al Peterburgo estas la jena ; el Berlino I klaso Sm. 62,33 ; II klaso Sm. 42,88 : el Parizo I klaso Sm. 105,95 ; II klaso Sm. 71.05. kaj la daŭro : el Berlino 33 horojn ; el Parizo 56 horojn ; el Vieno 45 h.

Verdstelano.

**Tra la lando de Kasteloj**

Se lando estas inda je tiu nomo, certe tiu estas la Luara (Loire) Valo (centra Francujo). Ĝi montras nek monton, nek maron, sed, meze de siaj dolĉaj ebenoj, flanke de siaj ĉarmaj montetoj, ĝi enhavas siajn kastelojn, admirindajn historiajn juvelojn, glorajn restaĵojn de la estinteco, proklamantajn la belecan idealon de nia antaŭularo.

La afableco de « Esperanto » ebligas ke mi prezentas al la legantoj kelkajn el tiuj kasteloj famaj pro la arto kaj la franca historio.

Unue ni vizitu la kastelon de Bloa *(Blois).* La belega kastelo de Bloa (Blois) grupigas mirindan aron da konstruaĵoj de kvar epokoj : la plej malnova parto estas konstruita dum la XIIIa jarcento ; tie estas la fama Salle des Etats (parlamenta ĉambrego),

La flankaĵo Ludoviko XII estas ŝtona kaj brika ; tie oni admiras ornamitan pordegon, ĉarman arkaĵan galerion, kaj la preĝejeton Sta Calais (Kale). Ĉe la flankaĵo Francisko Ia. la renaskiĝepoko elmontras ĉiujn siajn belegaĵojn, la plej gloraj estas ĝia granda ŝtuparo, ekstere konstruita, kaj ĝia majesta antaŭaĵo kontraŭ la urbo. Fine, Mansart konstruis la flankaĵon Gaston d'Orléans, laŭ la stilo de la XVIIa jarcento ; ne nur tiu kastelo estas unu el la artaj trezoroj de Francujo, per sia ĝenerala vidaĵo kaj per siaj ornamantaj detaloj (kamenoj, plafonoj, defluigiloj, medaloj, statuoj, k. c.), sed plie, ĝi elvokas parton de ĝia historio : kiom da estintaĵoj ĝi vidis : la morton de Valentino de Milano, la trairon de Johanino d'Ark, la naskiĝon de Ludoviko XII, la morton de Anno de Britano (Anne de Bretagne), la parlamenton de 1576 kaj 1588, la mortigon de duko de Giz (Guise), la morton de Katarino de Medicis, la forkuron de Mario de Medicis, k. t. p.

Plie, dum la regnado de la reĝa raso kiel dirita Valoa (Valois) la reĝa kortego havis ofte sian sidlokon en tiu kastelo, kaj ankaŭ dum la ĉasa tempo en la kastelo de Ĉambor (Chambord) starante meze de grandega parko, apud la maldekstra bordo de la Loire (Luar).

Le kastelo de *Chambord* estas la plej plena elmontro de la Renaskiĝa stilo. Francisko I konstruis ĝin sur la loko de ĉasdometo. La legendo pretendas ke 1800 laboristoj laboris por ĝia konstruado dum 15 jaroj. Ĝis la XVIIa jarcento, la kortego ofte loĝis tie. La fama komedia verkisto Molier (Molière) faris tie la unuajn reprezentojn de Bourgeois Gentilhomme (nobela buzĝo) kaj So de Pourceaugnac (Pursoniak). Pli malfrue, Stanislas restadis tie, poete Marŝalo de Sakso. En 1821, la kastelo estas donita per nacia monofero al duko de Bordeaux (Bordo) naskiĝanta. Nuntempe ĝi apartenas al duko de Parmo.

La ornamaro estas tute laŭ la Renaskiĝa stilo, kaj memorigas la Franciskan flankaĵon de la Blois' a Kastelo. Unu el la plej belaj vidindaĵoj estas la granda ŝtuparo kun helikformaj balustradoj, tiamaniere ke du personaj irantaj laŭ malsamaj direktoj ne povas renkontiĝi. Tiu ŝtuparo kondukas al terasoj, super kiuj elstaras, kun tegmentoj, aro da lukoj, kamentuboj, turetoj, ĉiuj ornamitaj de ĉarmaj skulptaĵoj. La ĉefaĵo de tiu brila aro estas ŝtona kampanilo, mirindaĵo de harmonio kaj de delikateco.

Ne povante paroli pri la 460 ĉambroj de Chambord, mi petas ke la legantoj sekvu min ĉe la kastelo de *Chaumont* (Ŝomon).

Pro siaj dikaj turaj, siaj murdentegoj, siaj maŝokulisoj, sia sidloko sur monteto, Chaumont havas ankoraŭ la eksteraĵon de fortikaĵo.

Konstruita dum la Xa jarcento, ĝi estas rekonstruita dum la XV, kaj tiamaniere prezentas kunigon de la lasta gotastilo kaj de la unua Renaskiĝepoka stilo. Post kiam li admiris en la honora korto belan puton, kaj vidindan preĝejeton, la vizitanto trairas, la historian ĉambraron kie loĝis Diane de Poitiers (Dian de Potie) kaj poste Katerino de Medicis.

Tiu ĉambraro enhavas ankoraŭ multajn artajn verkojn samepokajn : pentraĵojn, kanvasaĵojn, meblojn, fajencojn, feraĵojn, emajlaĵojn, armilojn, k. c.

Intersekve, Chaumont vidis la grafojn de Blois, la potencan familion d'Amboise (Amboaz) la belan Diane de Poitiers, Katerino de Medicis kaj ŝian astrologon Rugieri, la patron de Turenne, Sino de Stael, k. t. p. Nuntempe ĝi apartenas al princo de Broglie.

Pereira (Blois).

*(Daŭrigota.)*

## ARTO

**Ankoraŭ pri vaksa busto de Leonardo da Vinci**

En la artikolo, « Vaksa busto de Leonardo da Vinci », aperinta en la 74a No de « Esperanto », la aŭtoro, asertas, ke la dis-

-uto pri deveno de la busto ankoraŭ ne decidiĝis. Tiu-ĉi, opinion tamen ne estas tute ĝusta, ĉar hodiaŭ oni povas kaj devas konsideri la disputon kiel senfundamentan kaj finitan. Tion, kio ne sukcesis al la art kritikistoj, atingis... la ĥemio kaj donis al kelkmonata batalado la finofaran baton. Nome, en la lasta numero de la Berlina « Chemiker Zeitung » (Ĥemiista Gazeto); Dº G. Pinkus publikigis tre interesan artikolon, en kiu li prezentas resume la rezultatojn de ĥemia esploro de la fama busto. Li konstatas, ke la materialo, uzita por la skulptaĵo, konsistas el lako, vakso, kaj spermaceto (spermo de makrocefalo). Ĉar la spermaceto troviĝas en la komerco ne pli frue, ol depost proksimume 1700ª jaro, konsekvence, ankaŭ la busto ne povas deveni el pli frua epoko. Ĝi do havas nenion komunan kun Leonardo da Vinci (kiu mortis, en la jaro 1519ª) nek kun lia skolo.

L. Rosenstock (Krakovo).

## IDEOJ & FAKTOJ

### La fondaĵo de Rokkefeler

Ŝajne baldaŭ estas publike enskribota aŭ eble pli korekte enkorpigata laŭ la leĝoj de la distrikto de Kolombio, Usono, la plej nova fondaĵo de la « petrolreĝo » Johano D, Rokkefeller, fondaĵo, pri kiu ĉi tiu fama riĉulo mem diris, ke ĝi devas plibonigi la bonstaton kaj civilizadon en la Unuigitaj Ŝtatoj kaj en ĝiaj eksterlandaj posedaĵoj, ankaŭ por pliriĉigi, disvastigi la homan sciadon kaj malpligrandigi la suferadon.

Antaŭ ne longe en la Usona senato la preparaj paŝoj al tio estas faritaj, kaj kvankam la precizaj detaloj de la fondaĵo ankoraŭ ne estas publikigitaj oni povas atendi ke Rokkefeller per tiu ĉi plej nova pruvo de sia tiel konata homamo ankoraŭ superos siajn antaŭajn fondaĵojn. En la estinteco Rokkefeller oferis pli ol cent milionoj da dolaroj de sia kolosa riĉaĵo por fondaĵoj, el kiuj la fondo kaj la doto de la universitato en Ĉikago kaj la kreado de la « Ĝenerala Direktistaro de Edukado » kun doto de kvindek milionoj da dolaroj estas la plej konataj. La « Instituto por Medicina Esplorado » estas pli nova fondaĵo de Rokkefeller, al kiu grandegajn sumojn li intencas donaci.

Laŭ la klarigo pri la celoj, al kiuj la plej nova fondaĵo servos aŭ estas destinata servi, ĝia efektivigo estas preskaŭ senfina El la plilarĝigo de la entrepreno, kiun la iniciatinto de la nobla afero intencas lasi al spertaj kaj kapablaj viroj, oni povas konkludi, ke tio ĉi estos filantropa rezultato, al kiu nenio simila povas esti trovata en la tuta mondhistorio.

La tasko, pliriĉigi kaj disvastigi la homan sciadon, malpligrandigi la mizeron ĉirkaŭprenas mondon en si mem. Se povus esti efektivigata per mono, la milionoj de Rokkefeller sendube plialproksimigus la mondon kaj la homaron al la « regno miljara » en la biblio promesita. Ameriko estas la lando de la plej grandaj riĉaĵoj, sed eĉ kritikaĵistoj devos konfesi, ke kelkaj el tiuj, kiuj povis amasigi la grandegajn riĉaĵojn tre bone scias, kiel ili devas elspezi la milionojn por la utila bono de la homaro.

Carnegie, la « ŝtalreĝo », diris la faman vorton, ke estus malhonore, se li mortus kiel riĉulo, kaj ŝajne la « petrolreĝo » agas, aŭ almenaŭ intencas agi laŭ la senco de tia diro. Samtempe li laŭ mia opinio pli praktike efektivigas sian ideon pri bonfarado ol Carnegie. Ĉi tiu preskaŭ nur fondis bibliotekojn dum Rokkefeller per sia fondaĵo ĉirkauprenas ĉiujn sferojn de la praktika bonfarado. Ĝis nun neniu scias, kiom da milionoj li intencas donaci al ĉi tiu plej nova fondaĵo, sed la celoj de Rokkefeller mem anoncitaj min rajtigas je la opinio, ke liaj projektoj estas eksterordinaraj.

La konjektoj kaj kalkuloj pri la riĉaĵoj re Rokkefeller treege malsimilas. Multaj personoj opinias, ke li posedas proksimume miliardon da dolaroj, sed Prº H. H. Rogers, la persono, kiu pli intime ol iu alia konis S-ron Rokkefeller, ripete certigis, ke Rokkefeller, posedas eble nur la duonon de la kolosa sumo supre citita.

La signifa esprimo de unu prezidanto de Unuigitaj Ŝtatoj farita pri krime akiritaj havaĵoj kaj alŝveliĝintaj riĉaĵoj perdas sian akrecon, se oni konsideras kiel kelke da posedantoj de tiaj riĉaĵoj, uzas ĉi tiujn kiel donacojn de bona sorto. Ion treege repacigeblan enhavas ĉi tiuj kreaĵoj de niaj riĉuloj se oni memoras, ke per tiuj almenaŭ parte povas esti forigataj la de la moderna grandkapitalista administrado kaŭzitaj plendmotivoj. La ekzemplo de Rokkefeller estas tiel nobla, ke oni inkliniĝas, peti la pardonon de la tre ofte insultita maljunulo, kiu almenaŭ okaze povas senti kaj agi tute home. Krom tio oni ne devas forgesi, ke la persono de Rokkefeller eble estas malpli responda pri la amasigado de la riĉaĵoj ol la kondiĉoj, sub kiuj ĉi tio povis kaj bedaŭrinde ankoraŭ povas efektiviĝata.

E. Karpowsky (Del. Cleveland).

### Nova Projekto pri la unuigitaj ŝtatoj de la mondo

Antaŭ ne longe estas starigita en New-York, ligo por mondfederacio, kiu ankaŭ formigis filiojn ekster New-York kaj vigle laboradis,

Nun estos en la amerikana senato propono, en konsento, kun tiu-ĉi ligo, kun la celo esprimi la deziron, ke Usono prenu la iniciaton por starigi la « unuigitajn ŝtatojn de la mondo ».

La propono estos pritraktata post kelkaj semajnoj; ĝi estos prezentata al la senato de unu el la potencaj membroj de tiu korporacio. En la propono estos donota klara priskribo pri la organizo de tiuj « unuigitaj ŝtatoj de la mondo », tiel kiel la proponantoj ĝin antaŭvidas.

Ĝi celas unue la evitadon de militoj.

La estraro devus esti en mano de « Internacia konsilantaro ».

La diversaj landoj kaj ŝtatoj de la mondo havus en tiu konsilantaro reprezentantojn; tri membrojn, du membrojn aŭ unu membron. Tri membrojn havus: Usono, Anglujo, Francujo, Germanujo, Italujo, Austrujo-Hongarujo, Ĥinujo, Japanujo, Rusujo, Hispanujo kaj Turkujo. La ceteraj ŝtatoj devus esti reprezentataj laŭ la mezuro de la nombro de l'enloĝantaro unu membro por ĉiu dekmiliono da enloĝantoj super la unua dekmilioño. La membroj devus esti elektataj de la regnestraroj, kaj profitus salajron je 62810. Sm. (1).

La stariga kunsido devus esti en Haag (Nederlando) kaj la tutmonda fundamenta leĝo fariĝus definitiva tuj kiam ĝi estus subsignita de Usono, Anglujo, Austrujo kaj Rusujo.

La unuajn kvin jarojn de la funkciado de la « Internacia konsilantaro », tiu-ĉi povus restadi en urbo elektota por tiu celo; post tiu tempolimo ĝi devus esti akirinta malgrandan teritorion, en kiu ĝi restadus por ĉiam. Unu jaron post la subskribo de la fundamenta leĝo de la mondo la armeoj de la popoloj devas esti malgrandigitaj ĝis fiksota procento de la popoloj, kaj en tri monatoj post tiu subskribo ĉiuj militŝipoj de la mondo devas esti transdonitaj al la I. K. Tiu-ĉi ne sole havos la rajton, sed ankaŭ la devon « subpremi » eventualan kontraŭstaradon kontraŭ sia arbitracia decido, kaj ankaŭ ribelaĵoj en la diversaj ŝtatoj « per forto de bataliloj ! »

La armeo de la mondfederacio estus formota el la loĝantaro de la kuniĝintaj ŝtatoj, laŭ fiksota procento de ĉiu enloĝantaro. Se necese la lotado estus enkondukota por la formado de tiu internacia armeo. La estra kompetenteco de la I. K. precipe laboradus por la internacia arbitracio kaj por helpi la starigon de internaciaj interkonsentoj, por kies netuŝebleco la I. K. devus zorgi.

(1) Tre zorge antaŭvidita!.. (Red).

« Amerikanaj samideanoj estas via devo », enkonduki esperanton en tiuligo.

Kiu skribos pluajn informojn?

P. J. Vermaas (del. Rotterdam).

## Homara Dataro

16 *Aprilo* 529. — Publikigo de la Justiniana leĝaro. — 1446. Mortas en Firenco arĥitekturisto Filipo Brunelleschi. — 1778. Mortas en Parizo naturisto G. Buffon. — 1814. Ĉesas la itala regno starigita de Napoleono.

17. 1355. — Ekzekuto de Venezia Dogo Marino Faliero en la Doga (Duka) palaco. — 1757. Mortas fama pentristino el Venecio (nask. 1675), Cariera Rosalba. — 1790. Mortas Benjamino Franklin, filantropo, elpensinto de la fulmoŝirmilo. — 1876. Mortas Reinhold Buchholz el Frankfurto ĉe Od. zoologiisto, kiu partoprenis en la germana ekspedicio al la norda poluso (1869-70) kaj esploris okcidentan Afrikon.

18 1417. — Religia konsiliĝo en Konstanco. — 1606. Mortas sinjorino Sevigné, fama franca verkistino. — 1688. Mortas Caliari el Vermo, pentristo. — 1802. Mortas botanikisto kaj juristo Agustano Fodaro.

19, 1824. — Mortas en la batalo de Missolimigi lord Georgo Noel Gordon Byron, el Londono (nask. 22/1 1788) la plej granda el la modernaj poetoj. — 1882. Mortas K. R. Darwin.

21, 753. — Antaŭ Kristo. Fondo de Romo laŭ la kalkulo de Varono. — 1608. Forveturo de marveturanto Hudson por sia vojaĝo al la nordaj regionoj. — 1903. — Moras esploristo Eduardo Stanley.

22, 1478. — Enkonduko de la inkvizicio en Hispanujon. — 1815. Napoleono donas la konstitucion kiu estas akceptita de la popolo per la ĝenerala voĉdono de 1/6 1815. — 1889. Unua prezento de la fonografo Edison al la scienca Akademio de Parizo.

23, 1616. — Mortas Miĥelo de Cervantes (nask. 9/10 1547) glora poeto, aŭtoro de Don Kiĥoto.

24, 1585. — Siksto Vª estas elektita papo. — 1907, Venko de la franca-hispana soldataro sur la kunligitoj ĉe Almansa (Hispanujo). — 1564. Naskiĝas poeto Shakespeare. — 1792. Rouget de l'Isle verkas la *Marseillaise*. — 1891. Mortas en Berlino grafo von Moltke granda strateĝusto. 1835. Mortas Rikardo Cunningham, botanikisto, esploristo de Nova Zelando kaj Australio, mortigita de la indiĝenoj dum la esplorado de rivero Darling.

25. 1595. Mortas en Romo poeto Forkvato Fass. — 1774. Mortas Anders Celsius (nask. 27/11 1701), profesoro en Upsalo, kiu proponis la centezimalan skalon de la termometro.

26. 121. Naskiĝas imperiestro Antonino, dirita la filozofo (imperiestro 7/3 161). — 1854. Mortas Dante Gabriele Rossetti.

27. 1794. — Mortas James Bruce el Kiunaird (Skotlando), naskiĝinta en 1730, kiu malkovris la fonton de la Blua Rivero. — 1820. Naskiĝas Herberto Spencer racionalista filozofo.

28. 1183. Paco de Konstanco inter Barbarossa kaj la Lombarda Ligo. — 1738. Papo Klemento XII kondamnas la Framasonaron. — 1770. Cook malkovras la golfon de Botangbai, je Sudo de Sydney. — 1863. Mortas en Milano poeto kaj dramverkisto Feobaldo Cicconi (nask. en S. Danielo de la Friulo 20/12 1824). — 1881. Mortas en Frankfurto ĥemiisto Bottger, eltrovinto de la Kolodiumo. — 1865. Mortas Sir Samuel Cunard el Halifax kiu en 1840 starigis la transatlantan vaporŝipan navigacion.

29. 1429. Heroino Johanino d'Arko eniras en Orléans.

30. 1849. Glora defendo de la Roma Respubliko. — 1881. Mortas en Suez esploristo Romolo Gesso el Raveno, liberiginto de la Sudanaj sklavoj.

31. 1859. Batalo ĉe Palestro inter Franco-Italaj kaj Aŭstrianoj.

A. Tellini.

**La unua Kongreso de U. E. A. (por Eŭropo) okazos en Augsburg (28 Julio-3 Aŭgusto 1910).**

## La Faktoj

14 *Marto*. — Vieno. — Solena enterigo de Karlo Lueger.

15. Firenzo. — Oni festas la 80an datrevenon de la naskiĝo de glora germana verkisto Paŭlo Heyse.

Vieno. — Mortas barono Helpert glora germana ŝtatisto kaj historiisto.

19. Berlino. — Bethman Hollweg, germana kanceliero, alveturas Romon.

20. Aelgrado. — Reĝo Petro el Serbujo alveturas Peterburgon.

21. Firenzo. — Unua kunveno de la Italaj Esperantistoj.

Romo. — Ministro Sonnino prezentas al la ceĝo la eksiĝon de la ministraro.

Bolonjo. — Oni donas al poeto Johano Pascoli oran medalon kiel premion por la jara konkurso de latina poezio.

Bruselo. — Kunsido de la konsilantaro de la interparlamenta Unuiĝo.

Budapeŝto. — Gravaj konfliktoj ĉe la deputatero. Ministro Hedervary restas vundita.

22. Venezio. — Oni inaŭguras monumenton al patrioto kaj drama aktoro Gustavo Modena.

Konstantinoplo. — Alveturo de la Bulgaraj gereĝoj kiuj vizitas la sultanon.

Budapeŝto. — Fermo de la ungara deputataro per alparolado de la imperiesto legita de la ĉefduko Jozefo.

22. Peterburgo. — La Dumo elektas kiel prezidanton, la oktobriston Goutchoff.

23. Suda Italujo. — Malfeliĉegoj pro saperakoj. — Subita revekiĝo de vulkano Etna elsputas lafojn kaj skoriojn.

24. Milano. — Mortas eksministro admiralo Karlo Mirabello.

Romo. — Marcora forlosas la tasko starigi novan ministraron.

Parizo. — Mortas verkisto viegrafo Eŭgenio De Vogué.

25. Katanio. — La lafo de la Etno antaŭeniras versaŭ la urbetoj Nicolosi kaj Bornello.

27. Firenzo. — Inaŭguro de la aviada semajno.

Marseille. — Inaŭguro de la aerodromo de Miramas.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

*OFICIALA INFORMILO*

### ADMINISTRA FAKO

*Regularo per informpetoj.*

En ĉi tiu Nº, aldonite al la Oficiala Informilo, niaj legantoj trovos la *Regularon pri informpetoj*, kiu estis akceptita de la komitato de U. E. A. Tiu Regularo celas precizigi kaj oficialigi la kondiĉojn, laŭ kiuj devas esti uzataj la servoj de U. E. A., ĉu por membroj, ĉu por Esperantiaj entreprenoj. La formularoj nacilingvaj por Esperantiaj entreprenoj estos eldonataj de U. E. A., ĉe la fino de tiu jaro kaj dum 1911, laŭ la postuloj de la bezonoj. Ni tre petas, ke ĉiuj niaj Del., konsuloj kaj membroj bonvolu zorge konservi tiun regularon kaj plene konatiĝi kun ĝi, tiel ke ĉiu precize konu siajn rajtojn kaj devojn.

*Avizoj.*

∴ La Del., kiuj ne ankoraŭ resendis la respondilon al Oficiala Bulteno, Nº 5ª, bonvolu tion nepre tuj fari. Estas necesege, ke *ĉiuj* Del. resendu tiun respondilon, tiel utilan por la bonordo de nia administrado.

∴ La 2ª serio de la *Oficiala Jarlibro* aperos en la fino de Aprilo. Ĝi enhavos aldonan liston da cento de novaj Del., krom multaj korektoj en la nomaro. Ni atentigas, ke ĉiuj Eperantianoj, kiuj deziras uzi la servojn de nia Asocio, devas havi la lastan serion de la Jarlibro, por eviti erarojn rezultantajn de la oftaj ŝanĝoj de adresoj.

*Citoj.*

5. S-ro Laisney, Del. en *Caen*, ne respondis oficialan leteron, ne sendis protokolon pri rebalotado, nek raporton (2ª cito).

6. S-ro Monkowski, Del. en *Czenstochowa*, ne respondis oficialan leteron, nek sendis raporton (2ª cito).

11. S-ro H. Fischer, Del. en *Galatz*, ne respondis plurajn oficialajn leterojn, kaj bultenojn; ne sendis raporton (2ª cito).

17. S-ro Lafaille, Del. en *Bagnières-de-Bigorre*, ne respondis oficialan leteron, nek bultenon; ne sendis raporton (2ª cito).

19. S-ro H. Holmstrom, Del. en *Eskiltuna* ne respondis oficialajn leterojn; ne sendis protokolon, nek raporton (2ª cito).

28. S-ro Hultem Del. en *Malmo*, Plendo de Del. pro nerespondo al leteroj; ne respondis bultenon (1ª cito).

*Eksigo.*

26. S-ro Lenkewiĉ. Del. en *Melitopol*, ne respondinte oficialajn leterojn kaj avertilojn, ne sendinte liston de varbitaj membroj, estas konforme al § 12 de la Statuto, forstrekita el la listo de niaj Del.

*Novaj Delegitoj.*

Ĝis la 1ª de Aprilo estis elektiaj la jenaj Delegitoj:

Auxonne (Burgonio). — S-ro A. Narat, kolègia profesoro.

Bad-Kissigen (Bavarujo). — S-ro Heinrich Neubert, poŝt sekretario, Bibrastr. 1/I.

Beregszasz (Hungarujo). — S-ro Eugeno Radics.

Bitterfeld (Saksujo). — S-ro Wilhelm Stoffregen, Innere Bismarkstr. 56 I. b.

Boissy-la-Maconnaise (Sud-Orienta Francujo). — S-ro Bomillox (Subdel. dep. de *Pont-de-Vaux*).

Bornholm (Danujo). — S-ro Paŭlo Lohmann, Pilestrade 25 Ronne.

Ĉerveny-Kostelec (Bohemujo). — S-ino J, Ŝupichova, instruistino.

Cisena (Nord-Orienta Italujo). — S-ro Emilio Caretti, Urba Hospitalo.

Chartres (Centra Francujo). — S-ro P. Morigot, Bureau Militaire, 5º génie.

Cognac (Sud-Okcidenta Francujo). — S-ro Armand Léand, 42, rue Pavie.

Cuenca (Centra Hispanujo). — S-ro Julio Larrenajo Mendia, Fonda del. Comercio.

Danville (Pensilvanio, Usono). — S-ro B. Curtis Lore, W. Market St. III.

Dunafoldvar (Hungarujo). — S-ro S. Belemen, profesoro.

Evreux (Normandio). — S-ro Emile Egaze, 50, rue de Pannette.

Funchal (Madeira, Portugalujo). — S-ro Christian Andreassen, 24, Traverse das Augustias.

Ivanovice-sur-Hana (Moravio). — S-ro Francisko Klvaĉ.

Ladoix-Serrigny (Burgonio). — S-ro E. Caucal, apotekisto, (Subdel. dep. de *Beaune*).

Leipa (Bohemujo). — S-ro Heinrich Seidlich, staciestro.

Lomza (Polujo). — S-ro Witold Kurelski, Str. Zielona, 10.

Mac Minneville (Oregon, Usono). — S-ro J. C. Cooper, The Walnut City.

Malaga (Suda Hispanujo). — S-ro José Rodriguez Huertas, profesoro, Str. de Granada, 116.

Nevers (Centro-Suda Francujo). — S-ro J. Donadieu, 24, rue du Chemin de fer.

Olten (Svisujo). — S-ro J. Bloch, notario.

Nazli (Azia Turkujo). — S-ra Sidki, direktoro de poŝto kaj telegrafo. — VD.: S-ro Johano Sapondjoglo, oficisto, Banko Metelino.

Terrasson (Sud-Okcidenta Francujo). — S-ro M. Fleury de la Ruelle, Teyssenat.

Tuléar (Madagaskaro). — S-ro Camille Dequivre.

Varna (Bulgarujo). — S-ro Vasil Simenov Baĉkarov, komercisto.

Entute 842 lokoj.

ŜANĜOJ. — Armentières: La Del. estas nun S-ro Léon Baudet, 155, rue d'Esquinghem. — Beaune: La Del. estas nun S-ro Léon Rigault, rue Général-Voillot; la vicdel. estas S-ro Henri Mathouillet. — Bremen: La Del. estas nun S-ro W. Fricke, Düsternstr., 131. — Bukarest: La Del. S-ro Emanoil Nicolau, loĝas Str. Decebal, 5. — Crefeld: La Del. S-ro P. Singram, loĝas Ritterstr., 239. — Dusseldorf: La Vicdel., S-ro R. Freericks, loĝas nun Helmholtzstr. 7, III. — Huttwyl: La Del. estas nun S-ro Emil Minder, komercisto, anstataŭ D-ro Uhlmann. — Madrid: S-ro Jozefo Perogordo, 66, trada Toledo, estas nun Del., anstataŭ S-ro Larranaga Mendia. — Marseille: La Vicdel. estas S-ro Gabriel Place, inĝeniero, 36, Bd. A. Kruger. — Melitopol: S-ro I. N. Tasovskij estas nun Del. — Orléans: La Del. estas nun S-ro Pillant, rue Grison, 6. — Perth (Skotlando): la Del., S-ro Aleksandro Dewar, loĝas nun Glaskow, Rd. P. O. — Postdam: La Vicdel. estas S-ro R. Pridat, Waisenstr. 40. — Riga: S-ro W. Ŝmurlo, Edinburgo, 48, ĉe Riga, estas denove Del. — Savannah: La Vicdel., S-ro Bayle, loĝas nun, 331, Bernard St. — Toulon: La Del., S-ro Berenguier, loĝas nun, 20, rue des Bonnetiers. — Trieste: La Del. S-ro Valeriano Pohusta, loĝas Via Alessandro Volta, 10, I.

*Plenrajtaj Delegitoj.*

Fariĝis plenrajtaj Delegitoj, t. e. varbis pli ol 20 membroj de Iª de Marto:

Alger (S-ro Dufeutrel) 50; Haarlem (Habermeth) 20; Irkutsk (D-ro Perott) 77; Kœln (Coblenger) 25; Lvov (Harold) 27; Marseille (Rebouillon) 22; Nice (Martin) 24: Nottingham (Hodges) 20.

Por la Administra Fako,

H. Hodler, Komitatano.

### Esperantiaj Asocioj

Augsburg. — *Esperantista Grupo*, adr.: Reissingerstr., 31, Augsburg.

Heinola. — *Grupo « Espero »*; P.: J. Ruokoven, VP.: A. J. Wirtanen; S: F-ino Korhonen; K.: Tahka.

Entute 22 Esperantiaj Asocioj.

### Esperantiaj Entreprenoj

Budapest. — *Hungara Esperantista Societo*; P.: D. de Szentmarian, 5; J. de Bulgowszky; K.: J. Forster. Adr: V. Nagymezo u. 12.

Dijon. — *Grupo Esperantista*; P. S-ro R-ro E. Boirac; VP.: D-ro Blanc; S.: Lafont. Adr.: 28, rue Bannelier.

Kuhna-Hora. — *Esperanta Klubo*. P.: A. Horacek; S.: M. Mrajkova.

Madrid. — *Hotel Espana*. Posedanto: F. Casas. Adr.: Calle Mayor, 12.

Miller. — *Verda Stelo Internacia*. Monata gazeto. Dir.: Nicholas Elmer. Adr.: Miller, Lawrence Country (Usono).

Plzen. — *Esperantista Klubo*. P.: J. Schwarz; S.: O. Vlasak, Adr.: Mikulaoské namestí 5,

Peterburgo. — *Esperanta Grupo de Studentoj*. P.: N. D. Evstifeieff. S.: Fjodorov; K.: P. Stajan. Adr.: Donskaja 10, 20.

Sydney. — *Baker Rouse*. Fabrikejo kaj vendejo de fotografaj kameroj kaj materialoj. Adr.: 379, Georg Str., Sydney. Filioj en Melbourne, Brisbane, Adelaide, Wellington.

Sydney. — *George Robertson Cº*, libro kaj papervendejo. Adr.: 71, Castlereagh, Sydney.

Sydney. — *E. M. Andrens Cropley Limited*. Ŝufabrikejo. Detala kaj pogranda vendado. Adr.: 736, George Str., Sydney.

Entute 129 Esperantiaj entreprenoj.

### FAKO ESPERANTO OFICEJOJ

*Novaj Esperanto Oficejoj.*

Deal. — J. E. C. Jermyn, Time Ball Terrace.

Dubnico. — Teodor P. Miĝorov, horloĝamagazeno.

Guadalajara (Meksikujo). — Librejo Frederiko Perret, C. A. V. Colon, 2.

Millet (Usono). — U. S. School of Esperanto.

Nottingham. — F-ino J. Golderg, 38, Bridlesmith Gate.

Portsmouth. — Librejo A. G. Mills, The Arcade Portsmouth.

Potsdam. — Librejo Martini, Mauenerstr. 21.

Trieste. — F. H. Schimpf, Piazza Borsa, 12.

Varsovio. — Farmacja, Str. Warecka 9.

### FINANCA FAKO

*Bilanco de U. E. A. la 1an de Aprilo 1910*

Ni unue rimarkigos ke, ĉar la librotenado estas nun starigita laŭ novaj principoj, la bilanco kiun ni ĉi sube donas estas aranĝita tute ne same kiel ĉi tiu de la 1ª de decembro 1909, aperinta en la nº 74 de Esperanto. La 1an de decembro la havaĵo de U. E. A. estis Sm. 210,34. Ĉi tiu monsumo ne enhavis la monon ŝulditan de la Delegitoj, enskribitan en ilia debito kaj ne ankoraŭ pagitaj de ili. Ankaŭ de tiu monsumo, ne estis deprenita la mono ŝuldita de U. E. A. al diversaj personoj kaj ne ankoraŭ pagita.

Male, en la ĉi suba bilanco, estas enkalkulataj ĉiuj monsumoj ŝuldataj de la Delegitoj kaj ĉiuj monsumoj ŝuldataj de U.E.A. El la Sm. 210,34 kiuj estis en la diversaj kasoj de U. E. A. la 1an de decembro 1909, Sm. 12,72 estas en la rezerva kapitalo, la cetero estas enskribita en la debiton de la diversaj komitatanoj aŭ spezita de ili al la centra kaso en Genève.

Oni bonvolu ankaŭ memori ke tiu centra kaso, prizorgata de S-ro Stettler, estas komuna por « Esperanto » U. E. A. kaj la « Esperanto-Librejo ». Ĝi do estas kiel banko en kiu ĉiu el la tri diritaj institucioj havas konton, kaj el kiu ili povas ricevi monon, kondiĉe ke la bezonata mono ne superu ĝian krediton. En la okazo, tre malofta, se iu Delegito aŭ Esp-of ne pagas sian ŝuldon por U. E. A., la centra kaso enskribas la monperdon en la debiton de U. E. A.

## Regularo pri la servoj de U. E. A.

§ 1. — Ĉiu Esperantiano, Esperantia entrepreno kaj Esperantia asocio rajtas peti informojn, ĉu parolajn, ĉu skribajn, de la Delegitoj kaj Subdelegitoj de U. E. A. pri kiu ajn temo rilata al la agadkampo de U. E. A., en la limoj fiksataj de tiu regularo. La Esperantiaj asocioj kaj entreprenoj havas plie la rajton uzi servojn speciale starigitajn por ili kaj priskribitajn en la regularoj.

§ 2. — Ĉiu skriba informpeto devas esti precize formulita, subskribita per la nomo de la petinto kaj lia membronumero kaj redaktita per la oficiala lingvo de U. E. A.

§ 3. — Ĉiu skriba informpeto nepre devas esti akompanata per poŝtkarto aŭ poŝtkupono, egala je la valoro de la afranko por la petita respondo. Naciaj poŝtmarkoj estas akcepteblaj nur se ili estas plenvalore interŝanĝeblaj en la lando de l' respondonto.

§ 4. — La skribaj informpetoj estas komunikataj de la Delegito al la kompetenta konsulo, kiu ilin respondos kiel eble plej akurate. Se ne estas konsulo, la Delegito aŭ Subdelegito mem respondos.

§ 5. — Por Esperantiaj asocioj kaj entreprenoj estas eldonataj specialaj pretaj demandfolioj, redaktataj Esperante kaj nacilingve. Nur asocioj entreprenoj, Delegitoj, Subdelegitoj kaj konsuloj rajtas uzi tiujn demandfoliojn.

§ 6. — La Esperantiaj entreprenoj kaj asocioj povas fari informpetojn ĉu senpere sin turnante al la Delegito de la regiono pri kiu ili deziras informojn, ĉu, se neniu-ĉe ili scias la oficialan lingvon de U. E. A., uzante la perecon de la regiona Delegito por tradukigi kaj forsendigi la informpetojn.

§ 7. — Ĉiu Esperantia entrepreno, kiu uzos senpere la servojn de la Delegitoj skribos Esperante sian peton sur la demandfolion, kiun ĝi rekte sendos al la kompetenta Delegito, kun respondkarto aŭ respondkupono, laŭ § 3.

§ 8. — Ĉiu Esperantia entrepreno, ĉe kiu neniu scios la oficialan lingvon de U. E. A. skribos nacilingve sian peton sur specialan demandfolion (kun klariga teksto en la nacia lingvo) kaj forsendos ĝin al la Delegito de sia regiono kun la sumo da 24 Sd. poŝtmarke aŭ mone, se la informo rilatas al eksterlando kaj 16 Sd., se ĝi rilatas al enlando.

§ 9. — La Delegito tradukigos Esperanten la informpeton per la kompetenta faka konsulo kaj kun la originalo sendos ĝin al la Delegito de la koncernata regiono. Tiu Delegito uzos specialan respondfolion kaj en la regula tempolimo skribos Esperante la respondon al la petinta Delegito, kiu ĝin tradukigos nacilingven kaj kun la originalo sendos al la Esperantia entrepreno.

§ 10. — En la okazo montrita en § 9, la petanta Delegito povas pagi la respondon al la demandita Delegito ĉu per poŝtmarko aŭ respondkupono ĉu per transpagilo de U. E. A., konforme al la speciala regularo pri ili.

§ 11. — Krom la okazo montrita en § 8, nur la oficiala lingvo de U. E. A. devas esti uzata por la Asociaj interrilatoj. Naciaj lingvoj estas uzeblaj oficiale nur inter la regiona Delegito kaj la Esperantiaj entreprenoj. La aliĝiloj por la Esperantiaj entreprenoj, ĉe kiuj neniu scias la oficialan lingvon de U. E. A. estos redaktataj Esperante kaj nacilingve.

§ 12. — Provizo da dek demandfolioj por Esperantiaj entreprenoj estos senpage sendata de la centra oficejo de U. E. A. al la Esperantiaj entreprenoj. Ĉiu plua kvanto da dek demandfolioj estos vendata je 20 Sd. po deko. Tiu sumo apartenas al la Delegito.

§ 13. — Ĉiu Esperantia entrepreno ricevas rajtigan karton subskribitan de la prezidanto de U. E. A. kaj de la regiona Delegito. La nomo de la Esperantiaj asocioj kaj entreprenoj aperas sur la oficiala jurnalo. Samtempe kun la rajtiga karto ĉiu entrepreno ricevos la provizon da demandfolioj priskribitan en § 12.

§ 14. — Ĉiu Esperantia asocioj kaj entrepreno, ĉiu Delegito kaj konsulo rajtas peti informojn pri demandoj juraj de ĝenerala intereso.

Ĉiuj juraj informpetoj estos senpere adresataj de la petanto al la centra oficejo de U. E. A. La Esperantiaj entreprenoj, ĉe kiuj neniu scias la oficialan lingvon de U. E. A. povas uzi la demandfoliojn kaj la perecon de la regiona delegito por tradukigo.

§ 15. — Al ĉiu jura informpeto la centra oficejo de U. E. A. tuj respondos per ricevatesto kaj la demandon transdonos al la kompetenta jura konsilanto, kies respondon ĝi poste komunikos al la petinto, ĉu senpere, ĉu per la regiona Delegito.

§ 16. — La Delegitoj kaj Subdelegitoj devas konservi kaj klasifiki ĉiujn informpetojn ricevitajn, kiuj estas je la dispono de la Komitato de U. E. A., en okazo de bezono; ili ankaŭ devas konservi kopion de ĉiuj respondoj sendataj de ili, en okazo de plendo.

§ 17. — Ĉiu informpeto laŭregule sendita devas esti respondata maksimume kvin tagojn post la ricevo. En la okazo se informpeto postulus specialajn priserĉojn, kiuj daŭrus pli ol kvin tagojn post la ricevo, la Delegito au konsulo devas en la supra tempolimo respondi, al la petinto kiam li povos forsendi la definitivan respondon.

§ 18. — Ĉiu informpeto, kiu rilatus temon ekster la agadkampo de U. E. A., aŭ estus kontraŭa al la bonmoroj aŭ ne konforma al la regularoj aŭ redaktata en alia lingvo ol la oficiala lingvo de U. E. A. estos resendata al la petinto, kun la noto subskribita de la Delegito ke li devas respondi nenion, ĉar la informpeto estas nekonforma al la regularo. La informpetoj, ne akompanataj per marko, kupono aŭ transpagilo estos ne respondataj. Pri la informpetoj, al kiuj estas aldonita nesufiĉa valoro por la respondo, la Delegito informu pri tio la petinton.

§ 19. — Estas malpermesate peti aŭ sendi konfidenciajn informojn pri ia ajn persono, aŭ firmo, pri ĝia stato financa, ĝia morala indeco, vivmaniero, pagokapablo, k. t. p.

§ 20. — Tuj kiam respondo estas sendita, finita estas la agado de la Delegito aŭ konsulo. Li povas nek pere nek senpere interhelpi la traktadon de la aferoj, kiujn li ebligis per sia pereco.

§ 21. — Estas malpermesate al la Delegitoj kaj Konsuloj en aliaj respondoj favori aŭ speciale rekomendi iun personon aŭ firmon, escepte se ĝi apartenas al U. E. A., aŭ uzi sian Esperantian oficon por fari specialan reklamon ĉu por si mem ĉu por iu persono aŭ firmo.

§ 22. — Ĉiu informpeto aŭ servo, kiu necesigas specialan elspezon aŭ klopodon devas esti repagata de la petinto. Tiuokaze, antaŭ ol plenumi la servon, la Delegito devas informi la petinton pri la kosto de la servo, sen persona procento aŭ maklero. La petinto devas forsendi la necesan sumon al la koncernata Delegito, se li volas ricevi la servon. Tamen, la Delegito havas, sub sia respondebleco, la eblecon plenumi tiun servon antaŭ ol ricevi la koston kaj poste sendi la fakturon al la petinto. U. E. A. garantias la fakturojn al Esperantiaj Entreprenoj nur ĝis sumo da 1 Sm.

§ 23. — Ĉiu Delegito, kiu ricevos peton pri reprezentanto, pri dungoto, k. t. p., ĝis speciala servo estos aranĝita, devos komuniki laŭeble tiun peton al la dungoficejo aŭ dunga institucio en sia regiono aŭ post interkonsento kun la petinto. Li ankaŭ sen respondeco povos proponi taŭgajn personojn al la petinto.

§ 24. — Enketoj aŭ cirkuleroj presataj aŭ hektografataj, senditaj de Delegito, Esperantia Asocio aŭ entrepreno, devas esti respondataj nur se ili estas akompanataj de pagilo por la respondo, laŭ § 3.

§ 25. — Informpetoj povas esti farataj nur de membroj, Esperantiaj Asocioj kaj entreprenoj. Tamen, firmoj, institucioj aŭ personoj, ne apartenantaj al U. E. A., povos ricevi informon aŭ servon per ĝi. Tiuokaze ĉiu demandfolio por servo estos vendata al ĝi po 60 Sd. por eksterlando kaj 40 Sd. por enlando.

§ 26. — Esperantianoj vojaĝantaj, kiuj bezonas informpeton aŭ deziras renkontiĝi kun Delegito aŭ konsulo devas informi la Delegiton pri sia alveno almenaŭ 24 horojn antaŭe. Se li avertas lin pli malfrue li perdas la plendorajton.

§ 27. — En okazo de foresto, malsano aŭ okupateco la Vicdelegito anstataŭas la Delegiton laŭ la samaj kondiĉoj. Se ne estas Vicdelegito, la Delegito devas tamen zorgi ke estu nenia interrompo en la servoj.

§ 28. — La Delegitoj kaj Konsuloj estas respondaj rilate al la Asocio nur pri la informoj, kiujn ili donas kaj la helpo, kiun ili liveras. Ili havas la devon resti neŭtralaj kaj senpartiaj rilate al ĉiuj Esperantianoj, Esperantiaj asocioj kaj entreprenoj.

§ 29. — Ĉiu Esperantiano, Esperantia Asocio aŭ entrepreno, kiu farinte informpeton aŭ petinte servon konforme al la regularoj aŭ ne ricevis respondon en la tempolimo fiksita de la regularo aŭ ricevis respondon en kiu la Delegito agas kontraŭ la regularoj, rajtas plendi al la komitato de U. E. A. Ĉiu plendo devas esti adresata al la centra oficejo de U. E. A., esti subskribitata, citi la daton de la forsendo de l'informpeto kaj precize formuli la kaŭzon de l'plendo.

§ 30. — Ĉiu Delegito aŭ Konsulo, kontraŭ kiu estis ricevita plendo kiun enketo de la Administra fako pruvis prava, ricevos oficialan averton kaj estos citata sur la oficiala organo de U. E. A. Post du citoj en daŭro de 12 monatoj, li, konforme al la statuto estos eksigata el sia posteno.

§ 31. — Ĉiu Delegito aŭ Konsulo rajtas plendi al la Komitato de U. E. A., en la okazo se membro aŭ Esperantia entrepreno agis kontraŭ la regularoj de U. E. A. Tiu plendo precize formulita estos komunikata al la centra oficejo de U. E. A.

§ 32. — Ĉiu Entrepreno aŭ membro, kontraŭ kiu estis ricevita plendo kiun enketo de la Administra fako pruvis prava, ricevos oficialan averton kaj estos citata sur la oficiala organo de U. E. A. Post du citoj en daŭro de 12 monatoj, la dirita Entrepreno aŭ membro estos eksigata el la Asocio kaj ĝia nomo publikigata en la oficiala organo.

Regularo akceptita de la Komitato de U. E. A.

Marto 1910. *La Prezidanto,* H. Bolingbroke Mudie.

*Por la Administra fako,* H. Hodler, Komitatano.

Jen do la etato de la spezoj por la 4 lastaj monatoj kaj la bilanco de U. E. A., je la 1ª de aprilo 1910.

| | | |
|---|---|---|
| Al la centra kaso U. E. A. ...... | | *Ŝuldas* |
| Por ekspedoj | $ | 68 82 |
| Lupago de la oficejo | | 28 » |
| Salajroj | | 195 22 |
| Oficejaj elspezoj (poŝtmarkoj k.c.) | | 226 94 |
| Presaĵoj (jarlibroj, bultenoj, gvidfolioj, k. c.) | | 455 16 |
| Insignoj | | 300 80 |
| Esperantiaj markoj | | 20 92 |
| Aliĝo al la Kongreso de Bruxelles | | 20 10 |
| Diversaĵoj (Kredithavantoj) | | 248 15 |
| Sumo | | 1.564 11 |
| De la Centra Kaso U. E. A. ....... | | *Havas* |
| Malnovaj (Ŝuldoj de la Del. antaŭ la 1ª de Dec. 1908, 12 c.) | | 220 41 |
| Kotizaĵoj de membroj | | 1.492 37 |
| Esperantiaj entreprenoj | | 123 45 |
| Gvidfolioj | | 52 23 |
| Vendita al la Esperantia Librejo | | 746 28 |
| Donacoj | | 153 46 |
| Diversaĵoj (repago de Komitatanoj k. c.) | | 347 53 |
| | | 3.135 73 |
| Resume U. E. A. havas | | 3.135 73 |
| Ŝuldas | | 1.564 11 |
| Neta havaĵo | | 1.571 62 |

Laŭ tiu bilanco ni povis starigi por la fino de 1910 tute precizan projekton de buĝeto kiu estas nun submetata al la aprobo de Komitato kaj de nia prezidanto, laŭ la Statuto.

La sendado de la konteltiroj al la Delegitoj kaj aliaj konthavantoj, kiun ni devis prokrasti ĝis nun pro la tre granda laboro de la reorganizo de nia Centra oficejo, jus estos komencita. Ni treege petas ke, por helpi al la bonordigo de niaj aferoj, *niaj Delegitoj bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi la de ili ŝulditan monon*, t. e. en tempolimo de 10 tagoj post la ricevo, kiel dirite sur la paĝo 27ª de la jarlibro.

La Financa Fakestro,

Th. Rousseau.

## JUNULA FAKO

5º Deknaŭjara franco deziras pasigi 2 jarojn en germana urbo de ĉirkaŭe 30,000 aŭ pli da enloĝantoj. Li estas posedanto de la « Supera diplomo » kaj konas iomete la germana lingvon kaj scias ludi bonege la violonon. La junulo intencas iri Germanujon en mezo de Aŭgusto. Li povas instrui la francan lingvon en privata lernejo aŭ pensiono, aŭ li ankaŭ akceptas oficon en komercejo aŭ ie, kie li povos ellerni la germanan lingvon. Proponojn kaj kondiĉojn oni sciigu al S-ro C. Villaume, école normale d'Auxerre, Yonne (Francujo).

6º Samideanino en *S.-Gravenhagen* deziras loĝigi ĉe si dum kelka tempo junulon esperantistan. Ĉiujn informojn donos S-ino H. Brandenburg-Graafland, Buys-Ballotstraat, 72, S.-Gravenhagen (Nederlando).

7º La 25 jara filino de *franca* lernejdirektoro deziras loĝi dum julio, aŭgusto, kaj septembro en suda parto de Anglujo kaj en familio, en kiu estas persono konanta sufiĉe la francan lingvon por korekti tradukojn. Por loĝado kaj manĝado (aŭ angla kutimo) ŝi pagus ĉirkaŭe 48 Sm. ĉiumonate.

Proponojn oni transdonu al S-ro P. Durrieux, 71, rue de Bouvines, Lille (Francujo), aŭ al la fakestro de junulo fako Rockmann, Buckauerstr., 14, Magdeburg (Ne forgesi la respondkostojn !)

7º La 20 sekvantaj gimnazianoj el Voronej (Gub.) en Ruslando deziras korespondi:

1ª Viva gimnazio Voronej (Gub.) Ruslando:

Borodkin, Alexandro (p-m, p-k, ilustr.); Malikov, Dmitrij; Pereverzev Ivan; Miĥajlovŝkij, Sergeo; Bartenev, I.; Fiŝer, V.; Zagvjajskij, Georgo; Avdejev, Leonido; Papov, Boris; Jaickij, N.; Zamaĥajev, N.; Kljukin, N.; Poleskij Ŝĉipilo, Lev.; Alexandrov, S.; Mjagkov, Dimitrio; Kazjmin, A.; Gaek, M.; Uljaniŝĉev, Miĥail; Ĥejfec Evfim (Voronej, Gub.), Gruzovaja, 9, S. Romm); Skvorcov, N. (Voronej, Gub.), Bol. Dvorjanskaja, 3, p. k., leter. k. ĵurnaloj.

La Centra Oficejo de U. E. A. bezonas konstantan oficiston, speciale pri librotenado kaj aliaj oficejaj laboroj. Bona kono de Esperanto kaj de la organizo de U.E.A. estas postulata. Por ĉiuj kondiĉoj sin turni al la oficejo de U. E. A., 10, rue de la Bourse, Genève (Svisujo).

# UNUA KONGRESO DE U. E. A.

**AUGSBURG (Bavarujo)**

*28 Julio — 3 Aŭgusto 1910*

La pretigoj por la Kongreso bone progresas kaj, kondiĉe ke niaj membroj bonvolu nin helpi per multenombra ĉeestado, nia Unua Kongreso certe estos granda sukceso. El vizito, kiun li faris en Augsburg, la vicprezidanto de U. E. A. elportis plej favoran impreson pri la fervoreco de la tiea Esperantia Grupo, kiu diligente kaj orde laboras por la preparo de nia Kongreso. Kiel ni diras en la ĉefartikolo de tiu Nº, la Kongreso estos ne nur interesa pro la laboro farota de ĝi, sed ankaŭ pro la flankaj allogaĵoj, kiu estas multenombraj kaj neordinare belaj; inter aliaj ni citu la viziton de la mirinda Bavara ĉefurbo *Munĥeno*, ekskurson al la tutmonde konataj kasteloj de *Neuschwanstein* en plej favoraj prezkondiĉoj, al la pentrindoj *Bavaraj Alpoj* kaj al *Oberammergau*, kie tiun someron okazas prezentadoj de la dramo de l'Kristsuferado, kiuj estas ja konataj en la tuta mondo. Jen estas allogaĵoj, al kiuj devas rezisti neniu Esperantiano.

*Kiom kostos la vojaĝo ?*

Jen estas la prezoj de la vojaĝo el kelkaj gravaj urboj ĝis Augsburgo (iro): II signifas 2an klason, III 3an klason, la nomoj substrekitaj estas lando, limaj germanaj urboj. Laŭ ordinara hortabelo la leganto facile kalkulos la prezon de sia urbo ĝis la landolimo.

*Lindau*, II, Sm. 5,60, III, 3,50. — El Basel, II, 12,60, III, 8,20. — Zurich, II, 9,30, III, 6,15. — Ĝenevo, II, 17,85, III, 12,15. — Marseille, II, 32,95, III, 16. — Milano, II, 23,30, III, 14,10. — Genova, II, 25,10, III, 16,95. — *Deutsch Avricourt*, II, Sm. 12, III, 7,65. — Nancy, II, 14, III, 9. — Paris, II, 24,80, III, 16,05. — *Metz*, II, 13,45, III, 8,65. — *Herbesthal*, II, 16,50, III, 10,50. — Bruselo, II, 21,25, III, 13,20. — *Aachen*, II, 16, III, 10,30. — London, II, 32,35. — Rotterdam, II, 22, III, 14,25. — *Hamburg*, II, 17,85, III, 11.60. — *Bremen*, II, 17,60, III, 11,25. - *Rostock*, II, 20, III, 13,30. — *Breslau*, II, 18,75, III, 12,20. — *Bromberg*, II, 23,30 III, 15. — *Eger* II, 7,90, III, 4,45. — Praha, II, 13,20, III, 8,70. — *Salzburg*, II, 6,20, III, 3,85. — Wien, II, 15,85, III, 9. — Budapest, II, 24,45, III, 12,75. — *Kufstein*, II, 4,85 III, 3. — Firenzo, II, 25,90, III, 16,20.

*Kiom kostos la restado ?*

Estos eldonataj kuponoj de tri klasoj.

En la Iª klaso la ĉambro kun matenmanĝo kostos 1,50 Sm.; en la IIª 1 Sm., en la IIIª 0,75 Sm. — La manĝoj estos komunaj por ĉiuj klasoj; ili kostos ĉirkaŭ 0,60 Sm.; krom tio estos unu festeno en la komenco kaj fino de la Kongreso po 1,20 Sm. La ekskurso al la kasteloj Neuschwanstein, vagonaro, vizito kaj tagmanĝo kostos nur 5 Sm. prezo treege malalta kompare kun la ordinara.

Laŭ ĉi tiuj ciferoj ĉiu povos facile starigi sian buĝeton.

*La laborprogramo.*

La Kongreso malfermiĝos ĵaŭdon la 28an je la 5ª. Poste estos granda festeno kun balo. — Vendredo kaj sabato estos dediĉataj al laboraj kunvenoj (fako administrado, financoj kaj junuloj). Dimanĉo estos ekskurso al Neuschwanstein. Lundon kaj mardon laboroj kunvenoj (fako konsuloj, Esp.-Oficejoj, komerco, Turismo). La plena programo aperos en monato julio.

La *Kongresregularo* estas nun submetata al la esplorado de la Komitato; ĝi aperos en la proksima Nº. Laŭ ĝi, *ĉiuj Esperantianoj kiuj deziras fari proponon submetotan al la Kongreso, estas petataj ĝin sendi plej rapide al la centra oficejo de U. E. A. Preter la 1ª de junio* neniu propono povos esti diskutata de la Kongreso.

Ĉiuj kunvenoj, okazos en la belega hotelo *3 Mohren*.

*La aliaj Kongresoj.*

La Kongreso de U. E. A. kunvenos de la *26ª ĝis la 28ª de julio*, la Kongreso de T. E. K. A. kunvenos la *1an, 2an, 3an de Aŭgusto*.

La aliaj Esperantiaj Asocioj kaj Entreprenoj kiuj dezirus kunveni dum la Kongreso bonvolu tuj de nun sin turni al la centra oficejo de U. E. A., kiu zorgos pri havigo de kunvenejoj.

⁂

La loka estraro de la Kongreso estas jena:

*Honora prezidanto:* Ĉefurbestro Wolfram.

1ª Prezidanto: S-ro arĥitekto W. Krauss.

2ª Prezidanto: S-ro urba konsilanto Forster.

Sekretario: S-ro W. Beideck, Delegito de U. E. A.

⁂

En la komenco de majo ĉiuj Esperantianoj per sia Delegito ricevos programon de la Kongreso kun detala aliĝilo. Ili bonvolu plej rapide sendi sian aliĝilon plenigitan kun la necesa monsumon. Ju pli frue oni aliĝos, des pli bone oni estos servata rilate al la ĉambroj kaj despli oni faciligos la taskon de la organizantoj.

Ni rememorigas, ke la *Kongreskarto* mendebla tuj de nun kosto 3 Sm. La karto de *helpkongresano* por personoj, kiuj ne povas partopreni sed deziras helpi la aranĝon kaj ricevi la oficialajn dokumentojn kostos 1 Sm. Oni rapidu aliĝi.

*La Administra Fako.*

# Esperantiaj Informoj

**Alger** (Afriko). — Nia Asocio kalkulas tie jam 50 membrojn, dank'al la vigla agado de nia Del., S-ro Dufeutrel.

**Augsburg** (Bavarujo). — Kiel decas, U. E. A. faras en la *Kongresurbo* gravajn progresojn. La Augsburga grupo, kiu kalkulas nun 144 membrojn, aliĝis kiel Esperentia *Asocio*, kio estas certe imitinda ekzemplo. En la kursoj partoprenas pluraj reprezentantoj de komercaj firmoj aliĝontaj kiel Esperantiaj entreprenoj. La « Augsburga Teĥnika Gazeto » publikigis bonegan artikolon pri U. E. A., verkitan de S-ro Inĝ. Lingenhœl, Komerca Konsulo. La grupo eldonas nun sub titolo Bayerische Esperanto-Mitteilungen bultenon, kiu enhavas utilajn informojn pri la tie okazontaj kongresoj (U. E. A., G. E. A., T. E. K. A.), kaj la Bavara movado.

**Burnley** (Anglujo). — Esp.-Of. fondiĝis; ĝi estas ĉiutage malfermata kaj facile trovebla, ĉar ĝi sidas en la centro de l'urbo, proksime de la urbodomo, poŝtejo, k. t. p. La trapasantoj uzu ĝian servon. (Victoria Chambers, Hargreaves St.).

**Chateau-Thierry** (Francujo). — L'« Echo Républicain de l'Aisne » publikigis la tutan francan propagandan broŝuron pri U. E. A. Ni tre instigas niajn Del., ke ili uzu tiun simplan rimedon por konigi U. E. A. en sia regiono, nome publikigi la nacian propagandilon en lokaj jurnaloj.

# VARIETEA MONDO

**Al la kvardekjara artista jubileo de Sinjoro Kamillo Schwarz, Prezidanto de V. E. L.**

La 25-an de januaro jariĝis la kvardekan fojon la tago, en kiu nia samideano Kamillo Schwarz kune kun sia frato Karl Schwarz la unuan fojon suriris la scenejon. Estis en la jaro 1870. Kamillo, naskiĝinta la 25-an de oktobro 1858 estis tiam dekdujara, Karl okjara knabo.

La gepatroj loĝis en Kiel, kie la patro sub la nomo « Karl Sternberg » estis aktoro ĉe la urba teatro kaj la patrino fama operkaj koncert-kantistino. Granda devas esti estinta tiam la sukceso de tiuj ambaŭ malgrandaj aktoroj, ĉar baldaŭ ni vidas ilin rondvojaĝantajn kune kun ilia duonfratino « Sidonie » (nomitaj, la tri malgrandaj kantbirdetoj). La « nom de guerre » « Sternberg » ili nun interŝanĝis per la vera familia nomo « Schwarz ». Memkompreneble la tuta afero baldaŭ perdis sian allogecon, ĉar la junaj knaboj plimaljuniĝis. Kiam nun « Sidonie » edziniĝis (1875) Karl kaj Kamillo Schwarz transiris al la varietea teatro. Ĉi-tie ili prezentis tian multespecon, kian oni malofte trovas. Ni konatiĝos kun ili kiel aktoroj, kantistoj, pantomimistoj, mimikistoj, humoristoj, skermistoj k. t. p. Ja, Kamillo kaj Karl Schwarz estis veraj artistoj. La famkonata germana poeto de gajaj teatraĵoj Gustav V. Moser skribis iam pri ili en letero: « Mi malofte tiel ridis, kiel pri la fratoj Schwarz ». Ĉi-tiuj naŭ vortoj enhavas tian flateman prijuĝon, tian gravan laŭdon, ke ne estas necese, ankoraŭ ion aldoni. En la jaro 1902 mortis Karl Schwarz en Amsterdam, sed la ekzistado de l'tutmondkonata firmo « Karl kaj Kamillo Schwarz » ne ĉesis, ĉar la filo de nia jubileulo, kiu ankaŭ havas la antaŭnomon « Karl » ebligis ĝian pluan eksistadon. (Ĉi-tie ni nun ankau volas citi, ke la 25-an de januaro samtempe estas ankaŭ la datreveno de l'edziĝo de nia jubileulo Kamillo Schwartz... certe stranga koincido de tiaj gravaj okazintajoj je unu sola tago!)

Kvardek jaroj intertempe preterpasis sed ankoraŭ same freŝa kiel iam ni vidas nian jubileulon sur la scenejo. Multajn landojn li travojaĝis, multajn urbojn li vidis kaj multajn spertojn li kolektis. Li konas preskaŭ ĉiujn grandajn urbojn de l'tuta Europa kontinento kaj scias pluriajn fremdajn lingvojn. Li-kiel ĉiu alia eminenta artisto dediĉis multajn jarojn al la lernado de fremdaj lingvoj, ĉar la laborkampo de l'artisto estas la tuta mondo kaj kiu volas rikolti la fruktojn de laborkampo kiel eble plej granda, tiu ankaŭ devas scii fremdajn lingvojn kiel eble plej multajn. Kaj tamen al kelkaj artistoj-ekzemple al la parodistoj- la eksterlando ĉiam estas fermita. La diverslingveco inter la popoloj estas fakte malfacile, ja, eĉ ofte netransirebla baro por artistoj. Ne kiel eble plej granda scipovo de fremdaj lingvoj sed nur la enkonduko de unu sola internacia lingvo povos liberigi la artistaron el la katenoj de l'diverslingveco. Ĉi-tion ekkonis ankaŭ Kamillo Schwarz kaj kune kun sia filo Karl li montris al siaj gekolegoj la solan ĝustan vojon. Li lernis nian esperantan lingvon kaj fariĝis porbatalanto por nia afero en varieteaj rondoj. La fondo de V. E. L. en aŭtuno de l'pasinta jaro en Berlin estis frukto de la agado. La membra nombro rapide kreskas, ĉar Kamillo kaj Karl Schwarz estas konataj eminentaj artistoj kaj iliaj nomoj havas bonan sonon en la artistaro. Ciam kaj ĉie, ĉu sur la scenejo, ĉu en restoracio, li uzas la okazon por propagandi nian lingvon kaj varbi novajn anojn. Kamillo Schwarz estas la unua tutmonda apostolo de nia Esperanta afero. Sed ni, samideanoj, ni ne volas preterlasi ĉi-tiun okazon, prezenti al nia jubileulo niajn sincerajn kaj ankaŭ la sesdekjaran jubileon kiel artisto kaj vidu ankaŭ la frukton de sia pionira agado en la esperanta movado: « Esperanto, la internacia varietea lingvo ». Nia samideano Kamillo Schwarz vivu, vivu, vivu!

K. Bilgalke, Bromberg.

⁂

*Listo de konsuloj de V. E. L.*

Hodiaŭ ni ĝaŭrigas publikigi la nomojn kaj adresojn de niaj ligaj konsuloj; ĉiujn interesemulojn ni petas, noti la nomojn. Post la tutplena organizado la oficejo eldonos specialan liston de konsuloj. Ĝis nun 38 gesamideanoj en 7 landoj prenis sur sin la taskon kiel varieteaj konsuloj. La unuan liston enhavas nº 71. (5. de februaro 10.)

*Francujo:* Le Havre, Joh. Barkoski, 38, rue Washington.

*Germanujo:* Bromberg, Karl Bigalke, Berlinerstrasse 30 I; Cottbus, A. H. Rudolf; Frankfurt-s.-Mein, F. Delkliseur, Rescheistrasse, 9 ptr.; Hanau, Chr. Stoll, Rhoenstra 4; Magdeburg, (kiel helpanto de nia konsulo S-ro Stark) S-ro F. Rockmann, instruisto Buckauerstrasse 14; Plauen, Guido Otto, Schilderstrasse, 48.

*Rusujo:* Odessa (Prov. Ukrajnujo) Vladimir Komonevič Fomenko, Poŝta kesto 15.5; Bendzin, M. Wojciechowski, Stacio Dr. Z. W. W.

*Svisujo:* Genf, E. Stettler, 10, rue de la Bourse; Luzern, Marie Troxler, 15, Waldstaetterstrasse; Zurich, Emiljahn Loth, Plattenstrasse, 88.

Ni atentigas ankoraŭ unu fojon, ke post la unuade februaro la ligo-oficejo translokiĝis al Leipzig, Kurprinzstrasse, 22. Ĉiujn sendajojn oni adresu S-ro Otto Linse, ĝenerala sekretario de V. E. L.

# La Progresoj de U. E. A.

**En du jaroj: 28 Aprilo 1908-1910.**

La ĉi-suba tabelo, pli trafe ol longaj artikoloj, montras la progresojn efektivigitajn de U. E. A., de sia kreiĝo ĝis la lasta tempo.

| DATO | Lokoj kie estas Del. aŭ Subdel. | Esperanto-Oficejoj | Konsuloj | Esperantiaj Entreprenoj | Membroj |
|---|---|---|---|---|---|
| 1ª Aprilo 1908 ........ | 85 | 0 | 0 | 0 | 0 |
| 1ª Aŭgusto 1908 ...... | 249 | 62 | 50 | 0 | 1200 |
| 1ª Februaro 1909...... | 484 | 100 | 180 | 0 | 2600 |
| 1ª Majo 1909.......... | 560 | 110 | 395 | 29 | 2900 |
| 1ª Julio 1909.......... | 650 | 152 | 420 | 65 | 4300 |
| 1ª Septembro 1909..... | 708. | 174 | 480 | 103 | 4800 |
| 1ª Decembro 1909 ..... | 758 | 174 | 480 | 103 | 5500 |
| 1ª Marto 1910.......... | 819 | 220 | 500 | 120 | 6200 |



## Korespondado

Manila (Filipinoj). — S-ro G.-L. Parks, Bureau of Education (kun entomologiistoj por inŝanĝi specimenojn).

Bruxelles (Belgujo). — S-ro Victor Lamberts, poste restante. PI. L. M.

Dresden (Germanujo). — S-ro Karl Franke, 45, Duererstr. 45, PI. PL.

Barcelono (Hispanujo). — S-ro Jaime Puig Rodon, Lepanto, 40, Mataro (pri brik-konstruaja kaj terkultura fako), PK. L.

Olomonc (Moravio, Aŭstrio). — S-ro F.-R. Krontil, PK., PI.

Praha (Bohemujo, Aŭstrio). — S-ro Richard Tykva, Naprstkova, 208, PI. PM.

Vitkovice (Moravio, Aŭstrio). — S-ro Jan Gabzdyl.

Funchal (Madeira, Portugalujo). — S-ro Chr. M. Andreasen, 24, Travessa, das Augustias, PI., PM.

Odense (Danujo). — S-ro A. Hansen, Benekkgade, 6, PI.; S-ro Dinesen, Nœwegade, 32, PI., PM.

Budapest (Hungarujo). — S-ro Jeno Hirschleerger, Dab. U. 108. PI. PM.

Nowy-Bydzov (Bohemujo, Aŭstrio). — Membroj de Esperantista Klubo, sekretario, V. Arnstein, ledofabriko, PI., PM., L.

Lons-le-Saunier (Francujo). — S-ro M. Chevassus, librotenisto, 29, Av. Gambetta, PI.

Chateaurenault (Francujo). — S-ro Lecomte, 38, place du Marché, PI., PM.

Portsmouth (Anglujo). — S-ro Geo Bryan, instruisto de soldatoj, Boy Scouts Headquarters-Marmion Rd. (kun samprofesianoj), PI. L.

Spokane (Wash., Usono). — S-ro John A. Ramstead, R. F. D. R. PI. PM.

Polia Ostran (Silezio, Aŭstrio). — S-ro Sepp Baroch, instruisto (interŝanĝas papiliojn kaj defendmarkojn); S-ro Max Hahn, elektroteknikisto, PI.

Chateaurenard-en-Provence (Francujo). — S-ro Calzia, PI., L.

Barcelona (Hispanujo). — S-ro Amadeo Agnilo, Str. Carmen, 82, y Poniente, 1, PI.

Gyœr (Hungarujo). — S-ro H. Horvath, bankoficisto, PI., PM.

Mostran (Moravio, Aŭstrio). — S-ro Esterak, PI.

Levallois-Perret (Francujo). — S-ino Moignet, 20, ruo Trézel, PI.

Paris (Francujo). — S-ro Gaillard, rue des Sablons, 25, PI (kun nefrancoj).

Enisjsk (Siberio). — S-inoj Olga Frenkel, A. Kytmanova, A. Ĵilina; F-inoj H. Kytmanova, O. Sergijevskaja, H. Fausneva, M. Ĥnjunina, O. Artemjeva; S-ro V. Kuročkin.

# Esperanto-Movado

*Lingvo Internacia* (marto 1910, **N.** 3).

Responde, al la pri parolita de ni en nia lasta « Esperanto-Movado », « Babilado » de S-ro Carlo Borlet, la redakcio de la « Lingvo Internacia' », skribas: ŝajnas al ni, ke sufiĉus, se la diversaj naciaj societoj aŭ federacioj komisius ĉu la Belgan Ligon, ĉu la Centra Oficejon, ĉu la Komitaton de la Kongresoj por ilin reprezenti, kaj tiamaniere ni havus *por difinita lasko* rajtigitan Reprezentantaron de niaj naciaj societoj. La simplaj solvoj estas ĉiam la plej bonaj!

*Juneco* (Internacia Informilo de la Junaj Esperantistoj, maro 1910, N. 5).

Atentigas pri la kunveno de la Franca Federacio de la Junaj Esperantistoj okazonta la 27 de marto in Parizo.

En la sama ĵurnalo ni trovas multajn informojn pri nia movado inter la junularo. Ni citos kelkajn; en Marseille fondiĝis Brita societo de la Junaj Esp.-istoj. Sama grupo fondiĝis en Gent (Belg.). Kurso estis malfermita en Lieĝo. En Lodz la plej granda komercindustria urbo Pola, aperas monata ĵurnalo nomita *La Forĉo*, kiu estas centra organo inter pola lerneja junularo sur ĉiuj polaj teroj (Rusa, Aŭstra, Germana); ĝi havas kronikon, artikolojn propagandajn, organizajn, kaj literaturan fakon. Jam nur inter niaj junaj Esperantistoj, ĝi vekas grandan simpation.

*Amerika Esperantisto* (marto 1910).

Paroladoj estis faritaj en Albany de S-ro Prof. W.-J. Spillman; en Bostono de S-ro D-ro Lowell.

Kursoj estis malfermitaj en: Colorado Springs (2 k.), Cincinnati.

Grupoj estis fonditaj en: Springfield, San-Francisco, Albany kaj Sorrento.

S-ro Arthur Baker, la redaktoro de « Amerika Esperantisto » faris propagandan vojaĝon tra Usono, dum kiu li faris 30 paroladojn. Jen estas la rezultatoj de ili:

Grupoj estis fonditsj en: Palo Alto, Portland, North Yakima, Spokane, Boise. Salt Lake, Kinsley, Pitsburg, Sprinfield Saint-Joseph.

Kursoj estis malfermitaj en: Mountain, Albion, Denver, Saint-Joseph.

Bonega rezultato! Ni gratulas nian fervoran kunbatalanton, dezirante al li pluajn sukcesojn.

*Le Monde Esperantiste* (marto 1910, N. 4).

Parolado estis farita en: Alençon de S-ro Th. Cart. Kursoj estis malfermitaj en: Parizo kaj Villeneuve-sur-Yonne.

En Charleville fondiĝis grupo de Junuloj Esp.-istaj.

*Franca Esperantisto* (aprilo 1910, N. 1).

Paroladoj estis faritaj en: Lyon'o, Grenoble, Saint-Chamond, de S-ro Drudin. Lons-le-Saulnier, Andruicq, S-ro Deligny. Saint-Amand, S-ro Bourlet, Avignon, S-ro D-ro Laval. Compiègne, S-ro Kapitano Bayol. Limoges, S-ro Eyquem.

Kursoj estis malfermitaj en Lyon, Lons-le-Saulnier, Château-Gontier, Compiègne kaj Le Havre.

Grupoj estis fonditaj en: Lons-le-Saulnier, Andruicq, Château-Gontier.

En la sama ĵurnalo ni trovas jenajn tre interesajn informojn:

*Eltiraĵoj de la cirkulero nº 12* (3-an de marto. — La prezidanto de la F. G. E. B. (Fed. de la grupoj Esp. de Burgonjon), ĵus proponis la servojn de la Federacio al la prezidanto de la Iniciativa Sindikato de la Burgonjo por starigo de Gvidlibro ilustrita kaj redaktita en Esperanto. Li ankaŭ sciigas, ke la grupo « Verda Stelo » de Chalon-sur-Saône ĵus eldonis cirkuleron, presigita je 2.000 ekzempleroj, tre lerte redaktita, por elmontri la praktikajn servojn de Esperanto; ĝi estos sendita al ĉiuj komercistoj, industriistoj, eminentuloj, ĉefoficistoj, k. t. p., kun peto akcepti karton de ano de la grupo; plie la prezidanto de « Verda Stelo » ricevis de la kolonelo de la 56-a Regimento la permeson fari, ĉiumarde, kurson ĉe la kazerno: 140 soldatoj estas enskribitaj; la grupo decidis publikigi Gvidlibron Esperantistan de Chalon; 10.000 ekzempleroj estos disdonacitaj tra Eŭropo per U. E. A.

*Tria Kongreso de la Federacio Esperantista Rodana* (18-19 juin 1910).

Jen la grandaj partoj de tiu ĉi soleno, komunikitaj de la 2-a cirkulero de la nova Centra Komitato en Saint-Etienne:

*Sabaton, 18-an de junio.* — Posttagmeze: Akcepto de la gesamideanoj ĉe la Federacia sidejo, 1, rue la Bourse. — Je la 3-a horo: Vizito de la « Manufacture d'Armes et Cycles », firmo esperantista, kaj se eble de la Fabrikejo de rubandoj. — Je la 7-a horo: Festeno. — Je la 9-a horo: Koncerto kaj balo.

*Dimanĉon, 19-an de junio.* — Ĝis la 10-a horo: Akcepto de la Delegitoj. — 10-a horo: Laborkunsido ĉe la Komerca Ĉambro. — 12-a horo: Granda festeno. — Posttagmeze: Ekskurso veturile ĉe la pentrinda loko nomita « Barrage de Rochetaillée. »

*Federacio Esperantista de la Centra-Okcidento (F. C. O. F.).*

*Eltiraĵoj de la cirkuleroj N-ro 12-a* (9-an de januaro 1910) *kaj 13-a* (13-an de februaro 1910).

*La festo de la Federacio* okazos dum la Paskaj festoj en la urbo Orléans'o. Por plimalkarigi la restadkostojn, la grupo intencas donaci al la partoprenontoj unu aŭ du senpagajn manĝadojn. La necesan monon ĝi esperas ricevi per loterieto, por kies organizo li petas permeson. Da bezona sumo estas fr. 1.000; la biletoj kostos 20 aŭ 25 centimojn, per serioj de unu franko. Ĉiu serio rajtos unu loton. La grupo petas, ke la delegitoj esprimu sian opinion pri tiu ĉi objekto, kiu estos plenumita nur post ilia aprobo.

*Starigo de novaj grupoj.* — 1-e En Poitiers, S-ro Fréchet, profesoro ĉe la Scienca fakultato, sukcesis, post senlacaj klopodoj, krei novan prosperan grupon; 2-e En Levroux (Indre), dum la decembra monato dank'al klopodoj de S-ro Baronnet, instruisto. Notinda estas, ke la Inspektoro de Akademio permesis starigi la kurson en la lernejo mem; tiu ĉi kurso estas nur eksterlerneja laboro, kiu rajtas por la profesoro kelkajn profitojn (15 tagojn pliajn en libertempo, k. t. p.). Jen la 3-a grupo kreita en la departementato de « Indre » kie antaŭ la Federacio neniu grupo ekzistis. *Nun, sur la federacia teritorio* (Centra-Okcidenta Franc.) *ne estas unu departemento sen grupo esperantista.*

Post parolado de S-ro Cart en Coutances (Franc.) estis fondita grupo. (Eltirita el « Normanda Stelo », marto 1910, N. 3.)

Nova kurso estis malfermita en Abbeville (el « Norda Gazeto », marto, 1910).

*Germana Esperantisto*, aprilo 1910, N. 4.

Paroladoj estis faritaj en: Breslaŭ de S-ro Mahn; Berlin, S-ro Ellersiek kaj S-ro Wichert; Chemnitz, S.ro Otto kaj F-inoj Krause; Gera, S-ro Ulitzsch; Hannover, S-ro Schlaf; Anvers, S-ro Hausmann; Nürnberg, S-ro D-ro Orthal; Wiesbaden, S-ro Istel.

Kursoj estis malfermitaj en: Bamberg, Breslaŭ, Berlin (2), Chemnitz, Düsseldorf, Hall a. Saall, Hamburg-Altona, Hannover, Kaiserslaŭsern, Moers, Morchenstern, Rostock i. m., Schmœln C., Chemnitz, Weissenfels, Wiesbaden, Zwickaŭ i. Sa.

Grupoj estis fonditoj en: Bayreuth, Dresden, Hannover, Liegnitz, Oelsnitz.

*Časopis ceskych esperantistu* (marto 1910).

Paroladoj estis faritaj en: Caslav de S-ro Horacek; Bydzov, S-ro Prochazka; Bakrv, S-ro Moucha kaj en Radice, S-ro Sidlo.

Kursoj estis malfermitaj en: Kutma Hora, Praha VII, Ulada Boleslav (3), Vieno, Trutnov, Vitkorice, Burany, Horni Lhota, Hlubocеоy.

Grupoj estis fonditoj en: Radvanice, Usti n/L, Humpoleo, Golcŭv, Jenikov, Bydzov, Horni Lhota, Hlubocepy.

De la « Centra Asocio Bohema Unio Esperantista jenaj raportoj:

II. Kongreso de Bohemaj Esperantistoj okazos someron de j. 1910 en la dua metropolo de Bohemujo — en la fame konata bierurbo Pilzen. — Por la projektita I. Interslava Kongreso troviĝis la nuna tempo ankoraŭ nematura, unuflanke pro neebleco intertrakti dum kelke da monatoj la necesajn aranĝojn organizajn, aliflanke pro la preparataj lokaj kongresoj sudslavaj. Bohema komerca muzeo en Phoha malfermis en palaco Merkur publikan legejon, kie estas elmontrataj krom la fakaj gazetoj ankaŭ revuoj esperantaj. Membroj de B. U. E. povas nin viziti senpage. Zamenhofa Propaganda Fondo kreita por finance garantii la taskojn entreprenotajn de B. U. E. por Esperanto, celas kolekti sumon da 446 Sm. Dum du monatoj oni kolektis jam trionon de ĉi tiu sumo. Bohema Propaganda Societo Esperantista fondita la 7ª de novembro 1909 eldonis propagandan flugfolion kaj rearanĝis la rondiran ekspozicion.

La urbestraroj de Praha kaj de Plzen, al kiuj oni adresis petskribojn pri subvencio, donis al la B. U. E. kaj al la Klubo subvenciojn po 100 Kronoj, Ĝi estas jam la sepa cento da kronoj, per kiuj la laboroj de la Centra Asocio Bohena Unio Esperantista estas subtenataj de la urbestraro. Laŭ raporto de la komitatanoj estis la spezo en j. 1909 preskaŭ 4.100 Sm. La grupigitaj 50 kluboj reprezentis 1.600 Esperantistojn bohemajn. Nove estis fonditaj societoj en Brno, Radvanice, Golcŭv-Jenikov, Ŭsti nad Labem, Aumpolec, Novy Bydzov kaj Louny, kiuj aliĝis al B. U. E. Ekzamena komisio de B. U. E. kunsidis sep foje. Sume ĝi donis en siaj kunsidoj atestojn al 21 ekzamenitoj. Estis eldonitaj propagandaj poŝtkartoj kun bildo de la Esperanto-Oficejo en Praha. Oni preparas esp. ilustritan gvidlibron tra la « Bohema Paradizo » pentrinda regiono apud urbo Turnov en norda Bohemujo. Dum la lasta tempo oni traktas pri vizito de bulgaraj Esperantistoj al Praha, kiu estas okazonta post la kongreso bulgara. B. U. E. uzos ĉi tiun okazon por fiksi laŭeble la precizan daton de la bohema kongreso. B. U. E. — Ĉ. Ĉ. E.

En Virovitica fondigis Esp. grupo (el « Kroata Esperantisto », marto 1910, N. 3).

*Pola Esperantisto* (marto 1910, N. 3).

Paroladoj estis faritaj en: Varsovio de S-ro Grabowski. Kursoj estis malfermitaj en: Piotrkow, Lodz (3). Dubieck, Szepetowka.

*La Suno Hispana*, marto 1910, N. 75ª.

S-ro Sabadell faris sukcesajn paroladojn en Olot'o. En la sama urbo ondiĝis grupo.

Kursoj estis malfermitaj en: Sevilja, Ardoba kaj Barakaldo.

Ĵus aperis nova gazeto: « *Kataluna Esperantisto* », jaro 1ª, N. 1ª, aprilo 1910, oficiala organo de la kataluna Esp. Federacio (Redakcio, 12 Strato Gracia, Sabadell, Hispanujo).

En sia deklaracio, la redakcio promesas helpi la organizadon de la katalunaj Esp.-istoj, al kiu ĝi mankis. Poste ĝi deklaras: Fiere ni diras, ke nia konstruaĵo, farita per la tempo estas forta kaj ĝi estos la ŝirmilo de ĉiuj ». Ni bondeziras al niaj katalunaj amikoj kaj esperas, ke la redakcio de la nova ĵurnalo vere organizos la vastan Esp.-Movadon en Katalunujo. Tamen ni ne povas ne demandi, la redakcion, ĉu ne estas pli bone uzi anstataŭ « animoza » la vorton « entuziasma »? En la sama ĵurnalo ni trovas pri la movado esp. en Katalunujo:

Paroladoj estis faritaj en: Terrassa de S-ro Eugeni Ferrer; Olot, S-ro Pubill.

Kursoj estis malfermitaj en: Sabadell (2), Terrassa (2), Reus, Olot, Balaguer.

*Belga Esperantisto* (mprto 1910, N. 5).

Paroladoj estis faritaj en: Lieĝo de S-ro Dupont kaj en Seraing S-ro Jonqen.

Kursoj estis malfermitaj en: Borgerhout kaj Lieĝo.

Grupoj estis fonditaj en: Ostendo kaj Werbomont. Ni ricevis la jenan informon:

La 2ª *Belga* esperantista kongreso okazos en Bruĝo (Okcidenta Flandro), je la 15ª-16ª de Majo.

La esperantistoj trovos en Bruĝo plej koran akcepton; niaj tieaj amikoj nenion preterlasos por igi plej agrabla ilian restadon en sia bela urbo.

S. S.

En nia venonta nº aperos raporto pri la sukcesaj *Katolika Kongreso* kaj 1ª *Itala Esperantista Kongreso*.

VITKOVITCE (Moravio, Aŭstrio). — F-inoj Irène kaj Marie Gabzdyl, PI. — F-ino Kamilla Wolf, instruistino, PI. (kun gekolegoj).

ALGER (Alĝerio). — Ges-roj Pinaud, notario, rue Pélissier, 4, PI.

NAZLI (Azia Turkujo). — S-roj Panteli Mihaloglo, Angelo Kehazia, B. M. Karmova, PI.

KOSTROMA (Rusujo). — S-roj N. Baskakov kaj Tjukabov, 6-a klaso de 1-a gimnazio, PI.— F-ino Troickaja, blinda muzikistino, Učiliščedla slepyh, str. Pokrovska, L. (kun geblinduloj).

PARIS (Francujo). — S-ro Bouche, 17, rue Bourdon (kun nefrancoj), PI.

BUKAREST (Rumanujo). — S-ro I. Steinfeld, str. Faurari, 27 (kun tegistoj).

SERAKENY (Azia Turkujo). — S-ro Polyhe Euclides Esq., Medical Officer of the Ottoman C-o, PI. (nur kun fraŭlinoj).

UFA (Rusujo). — S-ro V. V. Arĥangelskij, Gub. Zemskaja Uprava.

GENOVA (Italujo). — La membroj de la Genova Esp. Grupo, Libreria, PI., Mondini, via Cairoli, 39, PI.

ODENSE (Danujo). — S-ro Frode Larsen, Gormsgade, 5, PM.

TORONTO (Kanado). — S-ro H.-S. Saunders, 21, Harbord, st. (portretoj).

MARSEILLE (Francujo). — La membroj de la Esp. Grupo, S-ro Place, Bd Kruger, 46 (kun nelatinlingvaj grupoj.

## Petoj kaj Proponoj

KONTINENTAJ PRODUKTOJ. — Firmo havanta urbcentran kontoron kaj vojaĝiston vizitantan eksportistojn kaj fabrikistojn volas reprezenti fremdajn firmojn A. Beverleyand Co, Manchester.

POR HOTELISTOJ. — Juna sinjoro, plene scianta anglan, germanan, danan kaj Esperantan lingvojn, kaj iom la francan, deziras lokon kiel volontario en kontoro de franca hotelo. Komence ne postulas salajron. Li ĵus vizitas trimonatan hotelistan kurson. Informoj per J. Schmid, komitatano U. E. A., Berne (Svislando).

AVIZO. — Por grava kaŭzo ne korespondas ĝis julio 1910, S-ro Rubčic, Dubrovnik.

DROGISTOJ. — Por grava Esp. propagando, bonvolu vin turni al S-ro A. Juĥnevič, str. Sergeevska, dom. 12, loĝ. 9, Vilna, Rusujo.

KORESPONDO. — Niaj geanoj dez. koresp. kun eksterlandaj gesamideanoj, PI. L. PM. Ni garantias, ke ili ĉiam respondos. Por tio oni nur adresu : Esperantista Grupo, Esslingen, a. N., Germanujo.

POŜTOFICISTOJ. — En Dresdeno fondiĝis unuiĝo de Esp. poŝtistoj, kiu deziras koresp. kun ĉiulandoj lokoj pri salajro, k. t. p. (Prez. P. Schmidt, Herbertstr. 23, Dresden, German).

PLUMBISTOJ. — S-ro J. Forrestier, 29, Bank st., Aberfeldy (Skotlando) dez. koresp. kun sammetiistoj pri iliaj metodoj.

AVIZO. — S-ro U. Zysset, Tiegelrain, 424, Aarau, informas siajn koresp., ke pro gravaj okazintaĵoj, li ne plu povas daŭrigi la korespondadon, li forlasis Aarau.

TAJLOROJ ESPERANTAJ. — Ni profitu per la okazo. Oni bezonas helpanton por Virinaj Vestaĵoj ĉe altgrada firmo en Hull, Anglujo. Skribu J, Kehl, 21, bolonialstr.

KATALOGOJ. — La Genova Esp. Unuiĝo. Via Cairoli, 39. Ĝenova petas komercajn katalogojn aŭ reklamilojn ĉiulandajn por disdonado, kaj malnovajn librojn por sia rondiranta biblioteko.

**Lernejo por Franca & Esperanta lingvoj.** — En Morges (Franclingva Svis.) apud la mondfama Geneva Lago ; belega vidaĵo ; trankvila restadejo. Esperanto-Oficejo & societo en la urbo. Favoraj kondiĉoj. Speciale rekomendata, hejma vivado. Por ĉiuj informoj, oni sin turnu al la adreso : F-no A. Richardet, Esperanto-domo, Morges, aŭ al Esp. Ofic. de U. E. A., S-ro Jayet (Morges).

PORTRETO GRAFOLOGIA. — Sm. 0.50, Odette Meyer, La Rochelle.

ŜPARMONO 4 %. — Eldonejo « Esperanto ». Leipzig, Langestrasse, 27, Germanujo.

PENSIONO. — Familio de geprofesoroj ĉe la superaj lernejoj akceptus kelkajn fraŭlinojn en pensiono. Vivo agrabla kaj gaja. Centra hejtado. Ĉarma artista hejmo kun mirinda situacio kaj bonega aero, borde de l'fama Geneva lago (*France*, Esperante, germane, angle). Adr. : S-ro Vittel, prof. « La Vegnetta ». *Morges* par *Lausanne* (Svisujo).

INDUSTRIA AGENTO posedanta seriozan klientaron, vizitanta orienton, centron kaj sudon de Francujo, proponas sian kunlaboradon al fremdaj firmoj por riprezenti ilin en Francujo.

Proponas ankaŭ deponejon por industriaĵoj aŭ komercaĵoj. Skribi al S-ro Macary, 27 strato Bonnand, Lyon, Francujo.

KAUĈUKO. — Samideano vojaĝanta tra la regiono kaŭĉuka de Brazillando, sin proponas por aĉeto pogranda de kaŭĉuko kaj mangabo. Skribi por ricevi detalojn al S-ro Paulo Berthelot, Leopoldina, Goyaz, Brazilujo.

ATENTU ! — Niaj gesamideanoj dez. korespondi kun eksterlandaj geamikoj. Nia grupo garantias ke ĉiu ano tuj respondas. Skribu al la Oficejo de Esp-Societo-Zamenhof : Hotel Stadt Johannesburg, Gœrlitz. Germanujo.

DELEGITOJ. — Prezarojn petas Rotterdamsche gereedschaphandel, Nieuve Markt, 11, Rotterdam, Nederlando. Societo por la vendado de iloj kaj maŝinoj por buĉistoj.

PENSIONO. — Ĝenevo (Svisujo), Villa les Mélèzes, 17, chemin des Chênes. Pensiono por fraŭlinoj, saniga situacio, ellernado de franca lingvo kaj kompletigo de la edukado. Hejma vivado. Prospekto Esperanta ĉe la direktorino. Por pluaj detaloj sin turni al la direktorino.

POR JUNULOJ. — F. L. G. Maréchal, B.-A. Direktoro (Lingva fako), Northern institute, internacia komerca lernejo, prezidanto de Internacia Asocio de Instruistoj, 334, Kingston Terrace, Leds, Anglujo, akceptas fremdajn junulojn kiuj deziras ellerni la Angl. Lingvon kaj komercajn metodojn. Banejo ; biliardĉambro, fumĉambro, k. t. p. Jare 500 Sm.

## Komercaj reklamoj

NUTRAĴ-BISKVITOJN mondfamajn por infanoj kaj malsanuloj forsendas tuj kontraŭ poŝtm. de 30 Sd. (60 pfen), afrankite por Germ., po 1 sesdeko. Franz Richter, Ritterburg bei Artern, Germanujo.

APOTEKA MAGAZENO liveranto por ĉevalkuradoj petas sendi alĝi katalogoj kaj proponojn de ĥemiaj, bestkuracaj kaj ĉiuj aliaj rimedoj kaj novaĵoj rilatantaj al ĉevala sporto. Adreso : D. Tverdoĥlebov, Peterburga ŝosse 38, Mosko (Rusujo).

**Silkaj esperantajoj.** — B. Peyraud, Vicdel. U. E. A., 54, rue de la Préfecture, Saint-Etienne, Francujo.

*Flageloj, kravatoj verdstelumitaj* por samoj, 5 modeloj. — *Atlasa rubando*, kun verdstela desegno, por sam-inoj. — *Vualskarpoj* esperantistaj, el blanka gazmuslino. — *Bildoj teksitaj* el silko, veraj teksaj ĉefverkoj. — Kontraŭ 1 respondkupono, oni ricevas silkan flageton kaj la ilustritan prezaron.

CENT DIVERSAJ POŜTKARTOJ. — Esperantaj por elekti. Mendu prezaron de Eldonejo Germanujo ; Leipzig, Langestr. 27.

9 LAMPIONOJ, formante la vorton Esperanto, Sm. 1.50 kaj sendelspezoj. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langstr., 27.

150 ESPER. POŜTKARTOJ diversaj Sm. 4.50 (100, 3 Sm.). Mendu prezaron. Eldonejo *Esperanto*, Germanujo, Leipzig, Langestr., 27.

INTERNACIA PROPAGANDA KORESPOND-POŜTKARTO, seslingve kun belega bildo de nia majstro. Po 10 ekz. Sm. 0.15 ; po 50 ekz. Sm. 0.55 ; po 100 ekz. Sm. 0.90 ; 1000 ekz. Sm. 5.20, afrankite. Oni akceptas ankaŭ poŝtmarkojn ĉiunaciajn, transpagilojn kaj Esp-ĉekojn. *Germana Esperanto-Librejo*, Kœnigstr. 19, Leipzig, Germanujo.

VERDA STELO INTERNACIA. — Monata ilustrita ĵurnalo, por literaturo, arto, scienco, muziko, interesaĵoj, socia progreso, k. t. p. En Esperanto, 20 paĝoj. Jare por 5 kuponoj, aŭ 50 Sd. Ni akceptas ĉekojn.

Verda Stelo Internacia, Miller, Missouri, U. S. A.

3.000 membroj EN FREMDAJ LANDOJ

*Jara Kotizajo* 2 dolaroj (4 $)

Membroj havas la jenajn profitojn : Ricevi informojn el ĉiuj landoj. Konatiĝi antaŭ ol forveturi eksterlanden.

**CHARTERED A.-D. - 1900**

**Sinjorinoj Sinjoroj** estas akceptataj por membreco. Prospektoj kontraŭ afrankpago (*senpage al la skeptikuloj*). Adresu leterojn kaj monon al **Sekretario de C. C. C.**

Korespondi en fremdaj lingvoj. Interŝanĝi revuojn, poŝtkartojn, poŝtmarkojn, fotografaĵojon, plantaĵojn, insektojn, k. t. p.

**Milwauke, Wisconsin, U. S. A.**

**Vojo por aliĝi.** — 1. Skribu vian nomon kaj adreson (legeble) kun unu aŭ pluraj referencoj. — 2. Skribu la lingvojn, kiujn vi komprenas. — 3 Konigu la temon pri kiu vi deziras korespondi. — 4. Sendu la kotizaĵon (4 $) per ĉeko aŭ poŝtmandato. Via nomo estos enskribata kaj vi ricevos ĉiujn paperojn kaj ekz. de *Globe Trotter* kun la plena listo de l'membroj.

**STENOGRAFIA GAZETO ESPERANTA**

*(instruaj folioj de sistemo Aoro)*

enhavas metodan lernolibron de internacia stenografio aoro kaj multon da artikoloj skribitaj per tiu sistemo.

*Jara abono 30 Sd.* (3 int. respondkuponoj

Por abonintoj de **STUDENTO** (1 Sm.) senpage !

Oni mendu (aldonu 3 int. respond. kuponoj) ĉe administracio de **STUDENTO.** Praha II-516, Bohemujo. Rabato al grupoj !

**PARIS** EGLI'S HOTELO INTERNACIA

*11, rue Bachaumont (Bourse)*

Moderna, centre de Paris, proksime Louvre kaj Bulvardoj. 90 ĉambroj. Tre moderaj prezoj. Svisa mastro. Oni parolas Esperante.

## Bad Reichenhall

La perlo de la germanaj alpoj, *mondfama salakvo-banloko, klimata kuracloko.* Plej grandaj pneŭmataj ĉambroj kaj inhalacejoj de la mondo. Jara vizitado : pli ol 35.000 personoj. Sezono : Majo-Oktobro. Kuracado de *malsanoj de la spirorganoj*, astmo, emfisemo, *kormalsanoj, virinsekso*, skrofolo, raĥito artrito, reŭmatismo, *resaniĝado. Riĉenhava amuzprogramo.* 250 kilometroj zorge bonstataj promenadvojoj en la tutan ĉarmegan ĉirkaŭaĵon. Gvidfoliojn oni bonvolu postuli de la Esperantista Grupo Bad Reichenhall.

*La Administranto (Gérant) ; DUVAL*

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)